Decembro 1905. № 6.

# Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero“.

Senpaga eldono por membroj de Peterburga S-to „Espero“

Manuskriptoj, korespondado k. t. p. devas esti adresataj je nomo de „Societo Espero“ en S.-Peterburgo.

Eldonanto: S-TO „ESPERO“ en Peterburgo. ‡ Redaktoro: D-ro A. I. ASNES.

Unua esperanta presejo en Ruslando de D. P. WEJSBRUT.
Peterburgo: Troickij Prospekt, 14.

**AVIZO.** Malgraŭ la anonco (v. kovrilon de № 5 de „R. E." p. 2) la Redakcio de „R. E." kaj la S-to „Espero" ricevadas leterojn, kies aŭtoroj plendas „malakuratecon" en plenumado de mendoj, en respondoj kaj en elsendado de „R. E." Tial ni devas tre insiste ripeti, ke nuntempa vivo, fluanta en malnormalaj kondiĉoj, starigas antaŭ ni ĉiutage novajn barojn kaj malhelpojn. Vera kaŭzo de „malakurateco" estas la neĉesiĝantaj strikoj de rusaj fervojoj kaj la lasta ĝenerala striko de rusa poŝto. Ni do ĉiam penadas plene kaj a k u r a t e fari ĉion, kion ni povas, por progresado de nia agado kaj de nia komuna jurnalo kaj por kontentigado de ĉiuj membroj de l'S-to kaj samideanoj. Kaj kvankam pro la devoj de regnanoj ni partoprenadas en la revolucia batalado, ni ĉiam portas niajn fortojn por servado al nia granda kaj kara Esperanta afero. Ni ĉiam pligrandigados kaj plifortigados nian agadon kaj ni esperas, ke anstataŭ plendojn ni vidos de niaj kolegoj kaj kunbatalantoj la helpon kaj aŭdos la vortojn de konsilo kaj kunsento. Ĉiam antaŭen!

**D-ro A. Asnes. Vs. Lejko.**

---

# De la Redakcio.

En ĉiuj artikoloj, elsendataj por „Rusl. Esper.", la Redakcio povas fari laŭ bezono mallongigojn kaj ŝanĝojn. Oni bonvolu ĉion por presigo skribi legeble, sur unu flanko de folio kaj sur folioj, apartaj de leteroj akompanantaj.

S-roj aŭtoroj bonvolu sendadi preferinde artikolojn pri seriozaj kaj interesaj demandoj, gvidante sin per la programo de „R. E." Amuzajoj kaj sensignifaj literaturaj bagateloj estas nealsendindaj. La Redakcio deziras la kunlaboradon nur de tiuj esperantistoj, kiuj efektive scias Esperanton kaj posedas bonan regulan stilon. Pri versaĵoj la Redakcio povas rememorigi, ke por esti poeto nesufiĉa estas sola deziro verki kaj presigi sian skribaĵon, kaj ke estas presataj nur la versaĵoj, kiuj havas la sencon kaj poezian formon. Por esti bona aŭtoro la esperantisto devas multe legadi la modelojn de bonaj esperantistaj verkoj kaj penadi kompreni la spiriton de la lingvo. Krom tio ĉi por skribadi versaĵojn oni nepre devas lerni la regulojn de verstarado.

Samideanoj, kiuj deziras doni al „R. E." sian helpon, la Redakcio petas ofte alsendadi mallongajn korespondaĵojn pri la faktoj de propagando kaj sukceso de Esperanto en iliaj urboj kaj regionoj, kaj tiuj ĉi sciigoj estos ĉiam akceptataj kun danko: „R. E.", kiu estas la centra organo de Esperantismo en Rusujo, devas esti informanta pri ĉiuj momentoj kaj faktoj de Esperantista movado.

Ankaŭ tre necese kaj grave estas, ke oni ĉiam alsendadu la №№ de rusaj, polaj kaj aliaj gazetoj, eĉ iom parolantaj pri Esperanto, se estas eble—po 2 ekzempleroj.

Oni ĉiam notu sur kovertoj kaj leteroj: P o r l a S-t o „E s p e r o" aŭ P o r l a R e d a k c i o d e „R u s l a n d a E s p e r a n t i s t o".

Por respondo oni ĉiam sendu la poŝtmarkojn.

---

# Koresponda fako.

La celo de koresponda fako estas la unuiĝo de tutmonda esperantistaro per reciproka korespondado. Tial ni korege petas ĉiujn, kiel ruslandajn, tiel eksterlandajn esperantistojn, dezirantajn korespondadi pri kia ajn objekto kaj por kia ajn celo sendadi al ni siajn adresojn, legeble skribitajn.

Por enpreso d'adreso en la korespondan fakon oni sendu al ni la poŝtmarkon de 10 kop. valoro. La alilandaj poŝtmarkoj estas ankaŭ akceptataj por ilia nominala valoro.

La Redakcio.

## Novaj adresoj: Ruslando.

C a r s k o e S e l o. Malaja ul., d. Baranovoj. Miĥail Ŝmidt.
K a ŝ i r a. Tulskoj gub. S. I. Voronkov.
S t. L j e b i a j i a. Sibirskoj jel. dor.—Uĉitel (instruisto) Teodor Galdobin.

---

## ŜANĜITAJ ADRESOJ:

M o c h G a s t o n. Neuilly-sur-Seine, 26 Rue de Chartres.
P a y r e m a u r e. St. Peterburgo, Borovaja 6, loĝ. 4.

# Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero“.

| Decembro 1905. | Redakcio: St.-Peterburgo, Bolŝ. Podjaĉeskaja, 24. | I-a jaro. № 6. |
|---|---|---|

## La liberiga movado kaj niaj esperoj.

Часто бываетъ, что чудное растенie, появившееся на какой-нибудь почвѣ, не можетъ жить и развиваться въ тяжеломъ родномъ климатѣ и чахнетъ, если не будетъ пересажено въ болѣе благодатное мѣсто. Конечно, въ силу закона приспособленiя большинство такихъ растенiй приспособилось къ условiямъ своей почвы, но болѣе нѣжныя изъ нихъ гибли или расцвѣтали въ чужихъ, лучшихъ условiяхъ. Такъ бываетъ въ мiрѣ растительномъ, матерiальномъ, такъ же произошло и съ явленiемъ духовной культуры, съ той идеей, которой служимъ мы,—съ Эсперанто. Родившись на русской почвѣ, богатой скрытыми питательными соками, языкъ Эсперанто привиться на родинѣ не могъ. Нѣжное созданiе человѣческой мысли, Эсперанто не могъ возрасти и расцвѣсти у себя дома, гдѣ такъ мало солнца, свѣта и тепла. И не погибъ онъ потому, что въ другихъ странахъ, особенно такихъ, какъ Францiя, онъ нашелъ всѣ лучшiя условiя для своего развитiя и преданныхъ людей, воспитавшихъ его. Появиться въ Россiи, гдѣ—непочатый уголъ духовныхъ силъ и генiальной широты мысли и чувства, Эсперанто могъ, но почему же не могъ онъ развиться въ Россiи же, стать на ноги и завоевать себѣ права гражданства дома, не нуждаясь въ иноземномъ прiютѣ? Потому, что этотъ „непочатый уголъ" скрытъ еще въ нѣдрахъ опекаемой Россiи, затѣненъ густою сѣтью безплодныхъ и колючихъ кустарниковъ. Вспомните, въ какiе годы родился Эспе-

Ofte okazas, ke mirinda kreskaĵo, aperinta sur la tero, ne povas vivi kaj disvolviĝadi en malbona hejma klimato kaj konsumiĝas, se ne estos transplantita en pli benan lokon. Certe, en sekvo de la leĝo de alagordiĝado la plej granda parto de tiaj kreskaĵoj sin alagordis al kondiĉoj de sia tero, sed pli delikataj el ili pereadis aŭ ekfloradis en fremdaj, pli bonaj kondiĉoj. Tiel okazas en la mondo kreskaĵa, materiala, tiel same okazis ankaŭ kun la fenomeno de l'spirita kulturo, kun tiu ideo, al kiu servas ni,—kun Esperanto. Naskiĝinte sur rusa tero, riĉa de l'kaŝitaj nutraj sukoj, la lingvo Esperanto enradikiĝi en la patrujo ne povis. La delikata kreitaĵo de l'homa penso, Esperanto ne povis kreski kaj flori ĉe si hejme, kie tiom malmulte estas da suno, lumo kaj varmo. Kaj ne pereis ĝi tial, ke en aliaj landoj, aparte en tiaj, kiel la Franclando, ĝi trovis ĉiujn plej bonajn kondiĉojn por sia disvolviĝado kaj la sindonemajn homojn, edukintajn ĝin. Aperi en Ruslando, kie estas netuŝita trezorejo de spiritaj fortoj kaj de genia larĝeco de penso kaj sento, Esperanto povis, sed kial ne povis ĝi disvolviĝi en la sama Ruslando, ekstariĝi sur la piedojn kaj almiliti por si „la rajtojn de l'civileco" hejme, ne bezonante la fremdlandan rifuĝon? Tial, ke tiu ĉi netuŝita trezorejo estas ankoraŭ kaŝita en internoj de la kontraŭvole zorgata Ruslando, estas ĉirkaŭombrigita de la reto de l'senfruktaj kaj pikaj arbetaĵoj. Rememoriĝu, en kiaj jaroj naskiĝis Esperanto. Tio estis la „gloraj" 80-aj, 90-aj jaroj, tiuj jaroj, kiuj kreis la „Ĉeĥov'an" Ruslandon, enuan, nemoveman, senigitan de kre-

ранто. Это были „знаменитые“ 80-ые, 90-ые годы, тѣ годы, которые создали „Чеховскую“ Россію, скучную, неподвижную, лишенную творческой иниціативы и полета духа и закутанную въ туманъ безличія и пошлости. Это время было неблагопріятнымъ и для Эсперанто. Вѣдь это широкое, требующее сознанія величія своей задачи, дѣло такъ мало подходило къ той категоріи „малыхъ дѣлъ“, которою характеризуемъ мы этотъ періодъ исторіи россійской общественности. Въ русскомъ задушенномъ (на время лишь, конечно, но на долгое время) обществѣ трудно было возбудить большой интересъ къ идеѣ международнаго языка. Трудно было заинтересоваться ею людямъ поколѣнія, интересы котораго были во всемъ такъ узки, такъ ограничены; трудно было увлечься этимъ идеаломъ тѣмъ, кто вообще не имѣлъ идеаловъ, боялся ихъ, осмѣивалъ и не вѣрилъ въ нихъ. Какъ могло серьезно отнестись къ „утопіи международнаго языка“ поколѣніе, такъ презиравшее все „утопическое“ и называвшее этимъ именемъ все, что хоть немного выше летало, чѣмъ ихъ „трезвенные взгляды и мысли“. Могло ли поколѣніе, органически лишенное духа иниціативы, взять на себя дѣло развитія Эсперанто, для котораго прежде всего нужна именно широкая иниціатива?

ema iniciateco kaj flugo de l'spirito kaj enkovritan en nebulon de senpersoneco kaj banaleco. Tiu ĉi tempo estis malfavora ankaŭ al Esperanto. Ja tiu ĉi larĝa, postulanta la konscion de l'grandeco de sia problemo, afero estis tiel malmulte ĝusta al tiu kategorio de „malgrandaj aferoj“, per kiu ni karakterizas tiun ĉi periodon de la historio de l'ruslanda societeco. En rusa sufokita (kompreneble, nur tempe, sed longatempe) societo estis malfacile eksciti grandan intereson al la ideo de internacia lingvo. Malfacile estis ekinteresiĝi je ĝi al homoj de la generacio, kies interesoj estis en ĉio tiel mallarĝaj, tiel limigitaj; malfacile estis allogiĝi al tiu ĉi idealo al tiuj, kiuj entute ne havis idealojn, timis ilin, primokadis kaj ne kredis ilin. Kiel povis serioze rilati al „utopio de lingvo internacia“ la generacio, tiel malestiminta ĉion „utopian“ kaj nominta per tiu ĉi nomo ĉion, kio eĉ nemulte pli alte flugis ol iliaj „sobremaj opinioj kaj ideoj“. Ĉu povis la generacio, organike senigita de spirito de iniciateco, preni sur sin la aferon de disvolvado de Esperanto, por kiu plej antaŭe estas necesa nome la larĝa iniciateco?

Послѣ необыкновенно напряженной дѣятельности 60-хъ, 70-хъ годовъ въ обществѣ, неудовлетворенномъ и разочаровавщемся въ „великихъ реформахъ“, остановившихся на пол-дорогѣ, были замѣтны признаки усталости. Въ то же время, во второй половинѣ царствованія Александра II правительство быстрымъ темпомъ шло назадъ отъ этихъ „великихъ реформъ“ и впало въ мрачную реакцію, которая въ слѣдующее царствованіе приняла чудовищные размѣры. Началась общественная реакція... На смѣну боевымъ активнымъ теченіямъ и прогрессивной дѣятельности предыдущихъ поколѣній появились теченія глубоко реакціонныя, какъ напр. знаменитое „толстовство“, или же слишкомъ мелкія, какъ напр. „культурничество“, „теорія малыхъ дѣлъ“ и пр. Полное молчаніе печати, задушенной насильниками, полнѣйшая общественная бездѣятельность и ат-

Post neordinare streĉita agado de 60-aj, 70-aj jaroj en la societo, nekontentiĝita kaj disreviĝinta en „la grandaj reformoj“, haltintaj sur duon-vojo, estis rimarkeblaj la signoj de laceco. En tiu sama tempo, en la dua duono de la reĝado de Aleksandro II la registaro en rapida movado iris malantaŭen de tiuj ĉi „grandaj reformoj“ kaj enfalis en la malluman reakcion, kiu dum la sekvanta reĝado akceptis la monstran mezuron. Komenciĝis la societa reakcio... Por deŝanĝo de batalaj aktivaj fluoj kaj progresema agado de la antaŭirintaj generacioj aperis la fluoj tre reakciaj, kiel ekz. fama „tolstoj'aneco“ *), aŭ tro malprofundaj, kiel ekz. la „kulturagado“, „la teorio de malgrandaj aferoj“ kaj cet. Plena silentado de la preso, sufokita de la perfortuloj, plej plena societa senagado kaj atmosfero de premado, kiu estis la plej granda florado de la polica reĝimo, jen kia estis tiu ĉi vivo, kies herooj estis la herooj de la verkoj de granda Ĉeĥov,

*) Pardonu tiun ĉi malgracian vorton!

мосфера гнета, бывшаго расцвѣтомъ полицейскаго режима, вотъ какова была эта жизнь, героями которой были герои произведеній великаго Чехова, жертвами которой—лучшіе люди, страдавшіе (въ большинствѣ только страдавшіе) скорбью Надсона. И нужно ли еще говорить объ этомъ ужасномъ времени, которое еще вчера только окончилось, которое памятно всѣмъ? Т е п е р ь, когда настали „другія времена —другія пѣсни", одно воспоминаніе о немъ кажется ужаснымъ, потому что настоящее такъ противоположно прошедшему, и если оно, это настоящее, само по себѣ еще не прекрасно (и далеко не прекрасно!), то все-же оно хранитъ зародышъ прекраснаго... Никогда еще Россія не знала эпохи, подобной нашей, потому что ни 60-ые годы, ни другіе моменты народнаго подъема не могутъ сравняться съ тѣмъ воодушевленіемъ, которое теперь до крайнихъ предѣловъ разрослось в ш и р ь и в г л у б ь, захватило в с ѣ слои русскаго общества и народа, и захватило ихъ не поверхностно, но г л у б о к о.. Основательнѣйшій крахъ всѣхъ старыхъ государственныхъ и соціальныхъ, личныхъ и общественныхъ устоевъ и идей, бурное стремленіе къ перестройкѣ стараго зданія, къ пересмотру старыхъ традицій и нормъ, къ замѣнѣ всего сгнившаго, чѣмъ жила старая Россія до сихъ поръ, свѣжимъ и юнымъ, все это—не выдумка опасныхъ „мечтателей" и вольнодумцевъ, не злокозненныя „идеи" крамольныхъ отщепенцевъ. Нѣтъ, что бы ни говорили гасители свѣта и ненавистники истины, вдохновители отнынѣ знаменитыхъ „черныхъ сотенъ", только слѣпой и глухой не видитъ и не слышитъ теперь той массы свѣта и шума, которые сдѣлали изъ Россіи-болота Россію-океанъ. Царство самовластья рухнуло! Правда,—ужасъ кровавой борьбы, стоны, слышные на всей залитой кровью Русской землѣ—такою цѣною покупаетъ Россія себѣ свободу. И хотя великая эпопея русской революціи, несмотря на уже завоеванную политическую свободу, еще не окончилась, побѣда уже рѣшительно и безповоротно склонилась на сторону народа противъ еще звѣрствующаго режима.

---

Но если наше дѣло, наша частная, но тѣмъ не менѣе в е л и к а я, идея, идея

kies viktimoj estis la plej bonaj homoj, suferintaj (en la plej granda parto nur suferintaj) per la malĝojo de Nadson. Kaj ĉu necese estas ankoraŭ paroli pri tiu ĉi terura tempo, kiu ankoraŭ nur hieraŭ finiĝis, kiu estas memorata de ĉiu? N u n, kiam venis „aliaj tempoj — aliaj kantoj", sola rememoriĝo pri ĝi ŝajnas terura, ĉar la nuneco, estas tiel mala je l' pasinteco, kaj se ĝi, tiu ĉi nuneco, mem ne estas ankoraŭ bela (kaj tre ne bela!), tamen ĝi enhavas la embrion de belajo... Neniam ankoraŭ la Ruslando konis la epokon, similan al nia, ĉar nek 60-aj jaroj, nek aliaj momentoj de l'popola ekscitiĝo povas kompari sin kun tiu animeksciteco, kiu nun ĝis ekstremaj limoj diskreskis v a s t e n kaj p r o f u n d e n, ekkaptis ĉ i u j n tavolojn de la rusa societo kaj popolo, kaj ekkaptis ilin ne sur suprajo, sed p r o f u n d e... La plej fundamenta ruiniĝo de ĉiuj malnovaj stataj kaj socialaj, individuaj kaj societaj apogiloj kaj ideoj, malkvietega atenco al rekonstruo de la malnova konstruaĵo, al revido de la malnovaj tradicioj kaj normoj, al anstataŭo de ĉio putrinta, per kio vivis la maljuna Ruslando ĝis nun, per freŝa kaj juna, ĉio ĉi estas ne elpensaĵo de danĝeraj „revantoj" kaj liberpensuloj, ne intrigemaj „ideoj" de ribelemaj forfalintoj. Ne, kion ajn dirus estingistoj de luno kaj malamantoj de vero, inspirantoj de famaj de nun „nigraj centoj", nur blindulo kaj surdulo ne vidas kaj ne aŭdas nun tiun mason da lumo kaj bruo, kiuj faris el Ruslando—marĉo Ruslandon—oceanon. La reĝado de l' aŭtokrateco renversiĝis! Vere,—la teruro de l' sanga batalado, la ĝemoj aŭdataj sur tuta superverŝita de sango Rusa tero—por tia prezo aĉetas la Ruslando por si liberecon. Kaj kvankam la granda epopeo de la rusa revolucio, malgraŭ jam akiritita politika libereco, ankoraŭ ne finiĝis, la venko jam definitive kaj senreturneble kliniĝis al flanko de l'popolo kontraŭ sovaĝe bestaganta reĝimo.

---

Sed se nia afero, nia privata, sed tamen g r a n d a, ideo, ideo de lingvo internacia, aperis

международнаго языка, появилась въ Россіи въ обстановкѣ эпохи застоя и реакціи, вслѣдствіе чего и должна была искать лучшихъ условій для своего развитія внѣ ея,—то въ какомъ же отношеніи находится наше дѣло теперь къ измѣнившимся условіямъ, какъ отразится на дѣлѣ Эсперанто тотъ идейный и моральный переворотъ въ русскомъ обществѣ, который наступилъ теперь, какъ неизбѣжный спутникъ и двигатель соціально-политической революціи? Другими словами, что несетъ дѣлу Эсперанто новая освобождающаяся русская жизнь?

Если до сихъ поръ дѣлу Эсперанто трудно было развиться во всю ширь въ старой Россіи, то—это важно отмѣтить—и переходное время, которое мы сейчасъ переживаемъ, тоже, и вполнѣ естественно, не могло быть благопріятнымъ для успѣшной пропаганды эсперантистовъ. Время войны, время сосредоточенія всѣхъ интересовъ, всѣхъ помысловъ на дѣлѣ радикальной ломки политическаго строя, такое время не позволяло Эсперанто занять подобающее мѣсто, завладѣть принадлежащей ему по праву долей общественнаго вниманія. Переходное время.... Оно — переходное и для насъ, эсперантистовъ. И нельзя требовать, чтобы сейчасъ наше дѣло добилось наконецъ заслуженнаго признанія въ Россіи. Въ этомъ смыслѣ моментъ—неблагопріятенъ. Но надо отмѣтить слово „моментъ". Безъ этого неблагопріятнаго для насъ момента не было бы и того времени, когда и мы, русскіе эсперантисты, вздохнемъ, наконецъ, полною грудью и на просторѣ безбрежнаго моря раскинемъ паруса и на своей ладьѣ. Неблагопріятный моментъ чреватъ въ высшей степени благопріятными послѣдствіями. И если не быть настолько недальновиднымъ, чтобы не видѣть изъ-за деревьевъ лѣса, изъ-за настоящаго не видѣть будущаго, то надо сказать съ полной увѣренностью, что это будущее (конечно, близкое) сулитъ намъ лишь успѣхъ. Когда уляжется буря, которая теперь очищаетъ и оздоровляетъ общественную атмосферу, когда жизнь послѣ революціоннаго періода войдетъ въ колею мирной (но, конечно, не „мертвой") „эволюціи", когда моментъ особой остроты и крайней напряжености перейдетъ въ болѣе уравновѣшенное состояніе, тогда и для дѣла Эсперанто наступитъ

en la Ruslando en la kondiĉoj de l' epoko de senmoveco kaj reakcio, en sekvo de kio ĝi devis serĉi pli bonajn kondiĉojn por sia disvolviĝado ekster ĝi,—en kia do rilato troviĝas nia afero nun al ŝanĝiĝintaj kondiĉoj, kiel influos je l' afero de Esperanto tiu idea kaj morala revolucio en la rusa societo, kiu venis nun, kiel nepra akompananto kaj movanto de la social-politika revolucio? Alivorte, kion portas al la afero de Esperanto nova, liberiĝanta rusa vivo?

Se ĝis nun al la afero de Esperanto malfacile estis disvolviĝadi en tutan profundecon en la malnova Ruslando, ankaŭ la tempo de l' krizo (tio ĉi estas tre atendinda), kiun ni nun travivas, ne povis, kaj tute nature, esti favora al la sukcesa propagando de la esperantistoj. La tempo de la milito, la tempo de la koncentriĝo de ĉiuj interesoj, ĉiuj pensoj sur la afero de radikala rompado de l' politika konstruo, tia tempo ne permesis al Esperanto okupi la konvenan lokon kaj ekposedi la apartenantan al ĝi pro rajto parton de l' societa atento. La tempo de l' krizo... Ĝi estas la tempo de l' krizo ankaŭ por ni esperantistoj. Kaj oni ne povas postuli, ke tuj nia afero atingu fine la merititan konfeson en la Ruslando. En tiu ĉi senco la momento estas malfavora. Sed oni devas noti la vorton „la momento". Sen tiu ĉi, malfavora al ni momento ne estus tiu tempo, kiam ankaŭ ni, la rusaj esperantistoj, ekspiros, fine, per plena brusto kaj sur vasteco de la senborda maro dismetos la velojn ankaŭ sur nia ŝipo. La malfavora momento estas graveda de la altgrade favoraj sekvoj. Kaj se ne esti tiom malakrevida, ke ne vidi el-post arboj la arbaron, el-post nuneco ne vidi estontecon, oni devas diri kun plena certeco, ke tiu ĉi estonteco (kompreneble, proksima) promesas al ni sole sukceson. Kiam trankviliĝos la ventego, kiu nun purigas kaj sanigas la societan atmosferon, kiam la vivo post la revolucia periodo suriros sur la vojon de la paca (sed, certe, ne „malviva") „evolucio", kiam la momento de aparta akreco kaj ekstrema streĉeco akceptos la pli egalpezan staton, tiam ankaŭ por la afero de Esperanto venos alia tempo, nova epoko. Ĉio, kio ĝis nun malhelpadis la disvolviĝadon de Esperanto en la Ruslando, kio ligadis al ĝi la flugilojn, ĉio tio ĉi foriros kun la malnova Ruslando en la

другое время, новая эра. Все, что до сихъ поръ мѣшало развитію Эсперанто въ Россіи, что связывало ему крылья, все это уйдетъ со старой Россіей въ прошлое, будетъ вытѣснено новой жизнью. Дорога прочистится и для Эсперанто...... Гибель рутины во всей русской жизни не будетъ ли въ то же время гибелью и той рутины, которая, какъ всякій знаетъ, едва ли не больше всего препятствовала у насъ нашему дѣлу! Стѣна общественныхъ, идейныхъ предразсудковъ, съ такимъ пріятнымъ для нашего уха трескомъ падающая теперь, повлечетъ за собою и ту цѣпь предразсудковъ, которая сковывала нашу дѣятельность. Общественный индифферентизмъ, смѣняющійся неудержимой дѣятельностью и жаднымъ интересомъ къ ней, и для Эсперанто смѣнится живымъ отношеніемъ къ нему, живымъ интересомъ, и общій подъемъ культурной жизни въ странѣ, несомнѣнно и, скажемъ даже, фатально, отразится подъемомъ и въ нашей частной, но обширной, сферѣ. Не перечислить всѣхъ тѣхъ нитей, которыя связываютъ перемѣну въ жизни Россіи съ перемѣною въ положеніи Эсперанто. Да и нужно ли перечислять ихъ? Кому не ясно, что, если сейчасъ еше не наступилъ окончательный переломъ въ Эсперантскомъ дѣлѣ въ Россіи, то онъ наступитъ очень скоро, онъ уже наступаетъ, что со свободной Россіей придетъ и свободное поле дѣятельности для эсперантистовъ, что Эсперантизмъ—молодое дѣтище истиннаго прогресса — свободно и безпрепятственно пойдетъ гигантскими шагами впередъ и станетъ въ своемъ развитіи на уровень свободныхъ европейскихъ странъ, именно въ новой прогрессивной свободной Россіи...

pasintecon, estos elpuŝita de la nova vivo. La vojo senbariĝos ankaŭ por Esperanto... La pereo de la rutineco en tuta rusa vivo ĉu ne estos en la sama tempo la pereo de tiu rutineco, kiu, kiel ĉiu scias, povas esti, la pleje malhelpadis ĉe ni nian aferon! La muro de la societaj, ideaj antaŭjuĝoj, kun tia agrabla por nia orelo krakado falanta nun, fortiros post si ankaŭ tiun ĉenon de la antaŭjuĝoj, kiu katenadis nian agadon. La societa indiferentismo, anstataŭiĝanta de la nedetenebla agado kaj avida intereso je ĝi, ankaŭ por Esperanto anstataŭiĝos de l' viva rilato al ĝi, viva intereso, kaj ĝenerala ekscitiĝo de l' kultura vivo en la lando, sendube kaj, ni diros eĉ, fatale, influos ekscitmaniere ankaŭ je nia privata, sed vasta, sfero. Neeble estas elnomi ĉiujn tiujn fadenojn, kiuj kunligas la ŝanĝon en la vivo de la Ruslando kun la ŝanĝo en la stato de Esperanto. Sed ĉu estas necese elnomi ilin? Al kiu ne estas klare, ke, se nun ankoraŭ ne venis la definitiva krizo en la Esperanta afero en la Ruslando, ĝi venos tre baldaŭ, ĝi jam venas, ke kun la libera Ruslando aperos ankaŭ la libera areno de l' agado por la esperantistoj, ke la Esperantismo — maljuna ido de vera progreso — libere kaj senbare marŝos per gigantaj paŝoj antaŭen kaj stariĝos en sia disvolviĝado sur la nivelon de la liberaj eŭropaj landoj, nome en la nova progresema libera Ruslando...

# PREĜO.

Al Vi, ho potenca senkorpa mistero,
Fortego, la mondon reganta,
Al Vi, granda fonto de l'amo kaj vero
Kaj fonto de vivo konstanta,
Al Vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,
Sed ĉiuj egale en koro Vin sentas,
Al vi, kiu kreas, al vi, kiu reĝas,
Hodiaŭ ni preĝas.

* * *

Al Vi ni ne venas kun kredo nacia,
Kun dogmoj de blinda fervoro;
Silentas nun ĉiu disput' religia
Kaj regas nur kredo de k o r o.
Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala,
Kun ĝi, la plej vera, sen trudo batala,
Ni staras nun, filoj de l'tuta homaro
Ĉe Via altaro.

* * *

Homaron Vi kreis perfekte kaj bele,
Sed ĝi sin dividis batale;
Popolo popolon atakas kruele,
Frat' fraton atakas ŝakale.
Ho, kiu ajn estas Vi, forto mistera,
Aŭskultu la voĉon de l'preĝo sincera,
Redonu la pacon al la infanaro
De l'granda homaro!

* * *

Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,
Por reunuigi l'homaron.
Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali,
Sed lasu nin venki la baron;
Donacu Vi benon al nia laboro,
Donacu Vi forton al nia fervoro,
Ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj
Nin tenu kuraĝaj.

* * *

La verdan standardon tre alte ni tenos;
Ĝi signas la bonon kaj belon.
La Forto mistera de l'mondo nin benos
Kaj nian atingos ni celon.
Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos, kaj ili ekbruos
Kaj faros por ĉiam, kaj amo, kaj vero
Ekreĝos sur tero.

* * *

Koniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj...
Antaŭen kun pacaj armiloj!
Kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj,
Ni ĉiuj de Di' estas filoj.
Ni ĉiam memoru pri bon' de l'homaro
Kaj malgraŭ malhelpoj, sen halto kaj staro,
Al frata la celo ni iru obstine
Antaŭen, senfine!

L. Zamenhof.

**Rim. de l'Redakcio.** Tiun ĉi belan poeziajon la aŭtoro de Esperanto deklamis, finante sian paroladon en la kunsido, kiu malfermis la 1-an Kongreson de esperantistoj en Boulogne-sur-Mer.



# BOLESĈJO.

## Rakonto de **Maksim Gorjkij.**

(1896)

Unu konato unu fojon jen kion rakontis al mi:

— Kiam mi estis en Moskvo studento, al mi okazis loĝi apude kun unu virino el „ĉi tiuj"... ci sc'as? Ŝi estis polino, ŝia nomo estis Terezo. Tre alta, forta brunulino, kun nigraj, kunkreskiĝintaj brovoj kaj kun vizaĝo granda, maldelikata, kvazaŭ elhakita per hakilo — ŝi timigadis min per besta brilo de ŝiaj mallumaj okuloj, per densa, baseca voĉo, per veturigistaj manieroj, per la tuta ŝia grandega muskolplena figuro de bazara komercistino... Mi loĝis en subtegmento, kaj ŝia pordo estis kontraŭ la mia. Mi, en tiu tempo, neniam malfermis mian pordon, se mi sciis, ke ŝi estas hejme. Sed ĉi-tio, kompreneble, okazis malofte. Iafoje okazadis al mi renkonti ŝin sur la ŝtuparo, sur la korto, kaj ŝi ridetis al mi per rideto, kiun mi opiniis raba kaj cinika. Ne unu fojon mi vidis ŝin malsobra, kun la malklariĝintaj okuloj, diskonfuzita, ridetanta iel aparte malbele... En tiuj okazoj ŝi diradis al mi:

— Estu sana, sinjoro studento!—kaj ŝi malsaĝe ridegis, pligrandigante mian abomenon al ŝi. Mi forveturus el la loĝejo por eviti tiajn renkontojn kaj salutojn, sed mi havis tian ĉarman ĉambreton kun larĝa vidajo el la fenestro kaj en ĉi-tiu strato estis tre mallaŭte... Mi toleris.

Kaj subite, unu fojon en mateno, kiam mi kuŝis sur la dormobenko, penante trovi iajn pretekstojn por ne iri aŭskulti lekciojn,—estas malfermata la pordo, kaj ĉi-tiu abomena Terezo krias de la sojlo per baso:

— Estu sana, sinjoro studento!

— Kion vi volas?—mi diris. Mi vidis,—ke ŝia vizaĝo estis konfuzita, peta... La vizaĝo estis neordinara por ŝi.

— Permesu, sinjoro, mi petos vin pri unu afero... Faru ĝin por mi!

Mi kuŝas, silentas kaj pensas:

Intrigo! Atenco je mia pureco, nek pli nek malpli!

Havu paciencon, Georgo.

— Mi bezonas sendi leteron en la patrujon,—ŝi diras tre petege, mallaŭte, malkuraĝe.

He, mi pensas, diablo estu kun ci, estu tie!! Mi stariĝis, sidiĝis al la tablo, prenis paperon kaj diris!

— Eniru ĉi-tien, mi petas, sidiĝu kaj diktu...

Ŝi alvenis, gardeme sidiĝis sur la seĝon kaj kun kulpa eksteraĵo rigardis min.

— Nu, al kiu estos letero?

— Laŭ vojo varsovia, en la urbon Svencjany *) al Boleslavo Kaŝput...

— Kion skribi... Diru...

— Ĉarma mia Bolesĉjo... koro mia... Mia fidela amato... Gardu cin Dipatrino! Ora mia koro, kial ci tiel delonge ne skribis al cia sopiranta kolombineto Terezo...

Mi apenaŭ ne ekridegis. „Sopiranta kolombineto" de dek du verŝokoj**) da alteco, kun pudopeza pugnego kaj kun tia nigra vizaĝego, kvazaŭ la kolombineto la tutan vivon purigadis kamenajn tubojn kaj nek unu fojon sin lavis! Mi min detenis iel kaj demandis:

— Kiu li estas, ĉi-tiu Boleco?

— Bolesĉjo, sinjoro studento,—ŝi kvazaŭ ofendiĝis je mi pro tio, ke mi kripligis la nomon.—Li, Bolesĉjo, estas mia fianĉo...

— Fianĉo?!?

— Kial do sinjoro tiel ekmiris? Ĉu ĉe mi, fraŭlino, ne povas esti fianĉo?

Ŝi, fraŭlino?!... Bone?

— Ho, kial do! Ĉio okazas... Sed ĉu delonge li estas via fianĉo?...

— La sesan jaron..

Ho-ho!—mi pensas. Nu, ni pretigis la leteron. Tian, mi diros al vi, delikatan kaj aman, ke mi mem, eble, interŝanĝus la lokon kun ĉi-tiu Bolesĉjo, se la korespondantino estus ne Terezo, sed io alia, pli malgranda ol ŝi.

— Jen mi anime dankas vin, sinjoro, pro la komplezo!—diris al mi Terezo salutante.—Eble, ankaŭ mi povas servi al vi per io?

— Ne, mi tre dankas!

— Sed eble, ĉe la sinjoro sur la ĉemizo aŭ sur la pantalono estas truetoj?

Mi sentas, ke ĉi-tiu mastodono en jupo ruĝigis min, kaj mi tre maldelikate diris, ke mi ne bezonas ŝiajn komplezojn.

Ŝi foriris.

Pasis ĉirkaŭ du semajnoj... Vespero. Mi sidas antaŭ la fenestro kaj fajfas, pensante. per kio mi povas forlogi sin de mi? Estas enuo, sed la vetero estas malbonega, mi ne volas iri ien, kaj pro la enuo mi okupas min je memanalizo, kiel mi memoras? Ĉi-tio estas ankaŭ sufiĉe enua, sed pli mi nenion volis fari. Estas malfermata la pordo—glor'al Dio—iu venis...

— Ĉu sinjoro studento sin okupas per nenia ekstra afero?

Terezo! Hm...

— Ne... sed kio?

— Mi volus peti la sinjoron ankoraŭ skribi leteron...

— Se vi volas... Al Bolesĉjo?...

— Ne, nun jam de li...

— Ki-io?

— Ho, malsaĝa virino! Ne ĝuste mi, sinjoro, diris, pardonu! Nun jam, vidu, estas bezone ne al mi, sed al unu amikino... t. e. ne al amikino, sed... al unu konato... Li mem ne skribas... Li havas fianĉinon, jen kiel mi ankaŭ... Terezo... Tial, eble, sinjoro skribos leteron al tiu Terezo?

Mi rigardas ŝin—ŝia vizaĝo estas konfuzita, la fingroj tremas, ŝi konfuziĝas pro io—kaj... mi konjektas!...

— Jen kio, sinjorino,—mi diras,—neniajn Bolesĉjojn kaj Terezojn vi havas kaj ĉion ĉi-tion vi mensogas. Kaj ĉe mi vi ne profitos, kaj konatiĝi kun vi mi ne volas... Ĉu vi komprenis?

Ŝi subite iel strange ektimis, konfuziĝis, komencis levetadi kaj mallevetadi la piedojn kaj ridinde plaŭdi per la lipoj, dezirante ion diri kaj nenion dirante. Mi atendas, kio ei ĉi-tio sekvos, kaj mi vidas kaj mi sentas, ke, ŝajnas, mi malmulte eraris, suspektinte ŝin en la deziro delogi min de la vojoj de la pieco. Ĉi-tie, kiel ŝajnas, estas io alia.

— Sinjoro studento,—komencis ŝi, kaj subite, eksvinginte per la mano krute, sin turnis al la pordo kaj foriris. Mi restis kun tre malbonega sento en animo, mi aŭdas—ŝia pordo ekbatis tre laŭte—ekkoleris, videble, la virinego... Mi malmulte pensis kaj decidis iri al ŝi kaj, vokinte ŝin ĉi-tien, mi skribos al ŝi ĉion, kio estas bezona.

*) Litero y estas el pola lingvo, en rusa lingvo ĝi estas legata ы.

**) Verŝoko estas la rusa mezuro de longeco.

Rim. de Redakcio.

Mi eniras en ŝian ĉambron—mi vidas, ke ŝi sidas ĉe la tablo, apogis sin sur ĝin per la kubutoj kaj la kapon kunpremis per la manoj.

— Aŭskultu,—mi diras...

... Ĉiam, kiam mi rakontas ĉi-tiun historion kaj venas al ĉi-tiu loko, mi sentas sin terure malsaĝe... granda malsaĝaĵo! Je-es...

— Aŭskultu, mi diras...

Ŝi eksaltas de la loko, iras al mi brilante per la okuloj, kaj komencas, metinte al mi la manoj sur la ŝultrojn, murmureti... pli certe, sonegi per sia baso...

— Nu kio do? Nu? Tiel! Ekzistas nenia Bolesĉjo, nenia... Kaj Terezo ankaŭ ne ekzistas! Sed kio vin tuŝas? Por vi estas malfacile konduki per la plumo sur la papero, jes? He, vi! Sed ankoraŭ tia... blanketulo! Neniu ekzistas, nek Bolesĉjo, nek Terezo, nur mi sola ekzistas! Nu, kio do, nu?

— Permesu, — mi diras, miregigita pro ĉi-tiu maniero,—en kio estas afero?—Bolesĉjo ne ekzistas?

— Jes, ne ekzistas! Sed kio do?

— Sed Terezo ankaŭ ne ekzistas?

— Terezo ankaŭ ne ekzistas! Mi estas Terezo!

Mi nenion komprenas! Mi malfermegas sur ŝin la okulojn kaj penas difini, kiu el ni freneziĝis? Kaj ŝi foriris ree al la tablo, serĉis tie, kaj iras al mi kaj ofendite diras:

— Se por vi estas tiel malfacile skribi al Bolesĉjo, tial jen ĝi estas, via skibaĵo, prenu! Kaj por mi aliaj skibos...

Mi vidas—en mia mano troviĝas la letero al Bolesĉjo. T-fu!

— Aŭskultu, Terezo! Kion ĉio ĉi-tio signifas? Por kio al vi estas bezona, ke skribu aliaj, se mi skribis, kaj vi ĝin ne sendis?

— Kien?

— Kaj al ĉi-tiu... al Bolesĉjo?

— Sed li do ne ekzistas!

Mi absolute nenion komprenas! Restis sole ekkraĉi kaj foriri. Sed ŝi klarigis.

— Kio do? — ofendite komencis ŝi paroli.— Li ne ekzistas kaj ne ekzistas! Kaj ŝi disigis la manojn, kvazaŭ ne komprenante, kial do li ne ekzistas.

— Sed mi volas, ke li ekzistu... Ĉu do mi ne estas homo, kiel ĉiuj? Kompreneble, mi... mi scias... Sed ja neniu ricevas malutilon de tio, ke mi skribas al li...

— Permesu—al kiu?

— Sed al Bolesĉjo do!

— Sed ja li ne ekzistas?

— Ha, Jezuo-Mario! Nu kio do, ke ne ekzistas, nu? Ne ekzistas, sed kvazaŭ ekzistas!... Mi skribas al li, nu, kaj sekve kvazaŭ li ekzistas... Kaj Terezo—tio ĉi estas mi, kaj li al mi respondas, kaj mi ree al li...

Mi komprenis... Al mi fariĝis tiel dolore, tiel malbonege, tiel honte ial. Apud mi, post tri paŝoj de mi loĝas homo, kiu sur la tero havas neniun, kiu povus rilati al li ame, kore, kaj ĉi-tiu homo elpensas por si amikon!

— Jen vi por mi skribis leteron al Bolesĉjo, kaj mi ĝin donis al alia tralegi, kaj kiam oni legas al mi, mi aŭskultas kaj kredas, ke Bolesĉjo ekzistas! Kaj mi petas skribi leteron de Bolesĉjo al Terezo... al mi. Kiam tian leteron oni pretigas kaj legas al mi, mi jam tute kredas, ke Bolesĉjo ekzistas. Kaj de ĉi-tio mi pli facile vivas...

...Jes... Diablo prenu!... Nu, mi de tiu tempo komencis akurate du fojojn en semajno skribi leterojn al Bolesĉjo kaj respondon de Bolesĉjo al Terezo. Bone mi skribis ĉi-tiujn respondojn... Ŝi en tiu tempo, aŭskultas ilin kaj ploregas... ploregas per granda baso. Kaj por tio, ke mi eligadis ĉe ŝi per la leteroj al ŝi de la imagata Bolesĉjo larmojn, ŝi por mi ŝtopis ĉiujn truetojn sur la ŝtrumpoj, ĉemizoj kaj ceteraĵo... Post tri monatoj post ĉi-tiu historio, oni ŝin metis pro io en la malliberejon. Kaj nun ŝi certe mortis.

...Mia konato forblovis la cindron de la cigaredo, enpense rigardis la ĉielon kaj finis:

Jes... Kiom pli multe homo provis da maldolĉaĵo, tiom pli furioze li deziregas da dolĉaĵo. Kaj ĉi-tion ne komprenas ni, vestitaj en niajn malfirmajn virtojn kaj rigardante unu la alian tra krepo de memfiereco kaj konvinko je nia ĉia senpekeco...

Sekvas sufiĉe malsaĝe .kaj... tre kruele. Ni diras, ke ili estas falintaj homoj... Sed kio estas falintaj homoj? Antaŭ ĉio ili estas homoj kun tia sama osto, kun tia sama viando kaj kun tiaj samaj nervoj, kiajn ni havas. Oni diras al ni pri ĉi-tio tutajn jarcentojn, tago post tago. Kaj ni aŭskultas kaj... diablo scias,

kiel ĉio ĉi-tio estas malsaĝe! Ĉu ni jam tute surdiĝis de la laŭta prediko de humanismo?... En efektiveco, ni mem estas ankaŭ falintaj kaj, se vi volas, eĉ tre profunde falintaj... en profundegaĵon de ĉia memfiereco kaj konvinko je plisupereco de niaj nervoj kaj cerboj ol la cerboj kaj la nervoj de tiuj homoj, kiuj estas nur pli malmulte ruzaj ol ni, pli malbone povas sin ŝajnigi bonaj, ol ni nin ŝajnigas... Tamen, estas sufiĉe pri ĉi-tio. Ĉio, ĉi-tio estas tre malnova... ke eĉ paroli estas hontinde... Tre malnova... jes"!...

Postmorta traduko de

Ivan Seleznjov.

1901—XI—13
Tomsk.

* * *

Nokto senstela! Vento ribela!
Kial vi bruas? Kial vi skuas
Kverkon potencan?

Ĝi ja ne timas kaj malestimas
Venton koleran, bruon inferan —
Forton sensencan!

Kaŝu sin suno, venu aŭtuno,
Vintro aliru, frosto ekspiru
Ĝin malamike, —

Ĝi, grandegulo, brava belulo,
Laŭte krakante, kvazaŭ mokante,
Staras fortike.

Sed homo venas, —kverko eksvenas,
Kaj kun humilo ĝi sub hakilo
Mortas kaj falas...

Tiel kun forto de nia sorto
Neelportebla, neforbatebla
Ni ne batalas!...

V. Devjatnin.

Novembro 1905.

# Milito.

(Infana monologo).

Mi aŭdas ĉiutage la gepatrojn dirantajn: milito! milito! Estus intereso ekscii, kio do ĝi estas?

Bedaŭrinde neniu klarigis al mi tiun ĉi demandon.

Hieraŭ mi petis la vartistinon: rakontu, pro kio kaj kial oni militas?

— Vi ĝin ekscios, kiam vi ekkreskos—respondis ŝi eviteme.

Sed mi ne cedis, mi persistis petadante kaj jen kion mi fine de ŝi ekaŭdis:

— Mia infano—diris ŝi—la milito estas terurega afero... Donu Di', ke vi ĝin neniam vidu! Ĉar ĝi konsistas je sekvantaĵo: oni kunvenas, stariĝas en kampo kaj pafadante el pafilegoj batiĝas kaj mortigas unuj la aliajn..

Mi eĉ ektremis aŭdinte tion ĉi. Tiel monstra kaj kruela ŝajnis al mi la priskribo de l'milito. Mi ekdubis, ĉu tio ĉi estas vere.

Ĉar antaŭ du tagoj, kiam ni kun Miĉjo batiĝis, la paĉjo dolore nin ekvergis, dirante: vi hontu batiĝi! nur la malbonuloj malpaciĝas kaj batiĝas!... Jen, vi konsideru, batiĝado estas hontinda eĉ por infanetoj... Sed tie en milito batiĝas ja adultuloj!...

Krom tio la vartistino ofte al ni diras: vi ne batu hundeton kaj kateton! Jen, ni ne havas rajton bati eĉ bestojn. Kiel do oni povus homojn mortigadi? Ne, tio ĉi estas neeble!..

Cetere—pro kio la adultuloj batiĝus? Ni infanoj batiĝas pro ludiloj. Tio ĉi estas nature. Sed la adultuloj ne ŝatas ludilojn. Tial estas klare: la vartistino al mi mensogis. La adultuloj ofte ja al ni infanoj diras malveron. Sed mi deziras scii la veron. Kie ĝin trovi? Ho, mi jam scias! Mi kuros al paĉjo. Li ĉion scias! Li diros la veron al sia amata fileto. (Forkuras).

Laŭ Benediktov esperantigis *A. D*

# Serenado el „Don-Ĵuan"

**de gr. Aleksej Tolstoj.**

En oreco Alpuĥara
Estigiĝas rand' ĉiela,
Al vokanta son' gitara
Vi eliru, mia bela!

Kiuj diros, ke alia
Povas nur kun vi egali,
Ĉiuj mi, pro am' pasia,
Vokas por ĝis mort' batali!

Ruĝiĝis ĉielo
De luna radi',
Niseto, anĝelo,
Eliru al mi!

De Seviljo ĝis Grenado,
En malluno nokta rava,
Ĉie sonas serenado,
Sonas ĉie frapo glava;

Kun kantad' pro belulinoj,
Sangverŝante oni mortas—
Al plej bela el virinoj
Mi do mian vivon portas!

Jam brulas ĉielo
De luna radi',
Niseto, anĝelo,
Eliru al mi.

Vs. Lojko.

# Esperantisto Movado.

**Д-ръ Л. М. Заменгофъ** опубликовалъ свое письмо къ г. Шнеебергеру, предсѣдателю Швейцарскаго Эспер. О-ва, въ которомъ высказываетъ полное одобренiе по поводу рѣшенiя Швейцарскихъ эсперантистовъ устроить 2-ой универсальный конгрессъ эсперантистовъ въ 1906 г. въ Швейцарiи *).

„Швейцарiя,—говоритъ д-ръ Заменгофъ въ своемъ письмѣ,—которая, не имѣя какого-нибудь нацiональнаго языка, является самой нейтральной страной во всей Европѣ, есть самое лучшее мѣсто для нейтрально-человѣческаго конгресса."

*) Городъ еще не выбранъ, но, по всей вѣроятности, будетъ выбрана Женева.

**D-ro L. M. Zamenhof** publikigis sian leteron al s-ro Schneeberger, la prezidanto de la Svisa Esper. S-to, en kiu li esprimas la plenan aprobon al la decido de la svisaj esperantistoj aranĝi la 2-an universalan kongreson de esperantistoj en 1906 j. en Svisujo *).

„Svisujo, — diras d-ro Zamenhof en sia letero, — kiu, ne havante ian nacian lingvon, estas la plej neŭtrala lando en la tuta Eŭropo, estas la plej bona loko por kongreso neŭtrale-homa".

*) Urbo ankoraŭ ne estas elektita, sed, tute kredeble, estos elektita Genève.

Выражая затѣмъ надежду на то, что швейцарскіе эсперантисты и Временный Организаціонный комитетъ, образованный на 1-омъ Эспер. конгрессѣ въ Булони, сдѣлаютъ все возможное, чтобы создать „импозантную, грандіозную манифестацію международнаго братства", Л. М. Заменгофъ призываетъ къ своевременному ознакомленію всѣхъ большихъ газетъ всѣхъ странъ относительно предстоящаго конгресса и, указывая на пропагандную цѣль конгресса, какъ на самую главную, подчеркиваетъ необходимость самаго широкаго участія неэсперантистовъ въ качествѣ гостей въ торжествахъ конгресса.

Esprimante poste la esperon, ke la svisaj esperantistoj kaj la Provizora Komitato de Organizado, formita en la 1-a Esper. kongreso en Boulogne, faros ĉion kion ili povas por krei „imponantan, grandiozan manifestacion de interpopola frateco", L. M. Zamenhof invitas al ĝustatempa konigado de ĉiuj gravaj gazetoj de ĉiuj landoj pri la venonta kongreso kaj, montrante la propagandan celon de kongreso, kiel la plej ĉefan, substrekas la necesecon de la plej vasta partoprenado de neesperantistoj en rolo de gastoj en la solenoj de la kongreso.

Чрезвычайно важное значеніе конгресса ясно всѣмъ, и нѣтъ никакого сомнѣнія, что всѣ эсперантисты приложатъ дружныя усилія къ тому, чтобы и 2-ой конгрессъ удался такъ же блестяще, какъ и 1-ый, описаніе котораго читатели найдутъ въ этомъ № „R. E."

La ekstreme grava signifo de kongreso estas klara por ĉiuj, kaj estas nenia dubo, ke ĉiuj esperantistoj aimetos konsentan penadon, por ke ankaŭ la 2-a kongreso sukcesu same tiel brile, kiel la 1-a, kies priskribon la legantoj trovos en tiu ĉi № de „R. E".

---

**Австро-Венгрія.** Г. Steier въ Брюннѣ устроилъ для лицъ обоего пола, посѣщающихъ читаемые имъ курсы яз. Эсперанто, экскурсію за городъ и танцы на лонѣ природы съ интересною лотереею и „poste d'amour" съ открытками, заполняемыми эспер. текстомъ самими участниками прогулки.

**Aŭstrio-Hungarujo.** S-ro Steier en Brünn aranĝis por la gepersonoj, vizitantaj legatajn de li kursojn de lingvo Esperanto, la ekskursion post urbon kaj dancojn en mezo de ĉirkaŭaĵoj de naturo kun interesa loterio kaj ama poŝto kun la poŝtkartoj, plenigataj per esperanta teksto de mem partoprenantoj de la promenado.

**Алжиръ.** Выход. регулярно дважды въ въ мѣс. мѣстн. эспер. журналъ „La Alĝeria Stelo" съ 5 Октября вступаетъ во 2-й годъ существованія, и съ № 1 начнется печататься интересн. разсказъ Baissac „Путешествіе у западныхъ береговъ Африки"

**Alĝerio.** Eliranta regule dufoje dum monato esper. ĵurnalo „La Alĝeria Stelo", de la 5 Oktobro eniras en la duan jaron de ekzistado, kaj de la № 1 komenciĝos presado de interesa (rakonto) de Baissac „Vojaĝo ĉe okcidentafrikaj bordoj".

**Англія.** По иниціативѣ д-ра Whitaker формируется Медицинское Эспер. О-во, намѣревающееся выпускать на междунар. яз. спеціальный журналъ. Въ Soham основывается Библейское Эспер. О-во, надѣющееся, при содѣйствіи Британскаго Библейскаго Союза, широко поставить пропаганду яз. Эсперанто. Благопріятно отозвались объ яз. Эсперанто газ. „Daily News" и „Review of Reviews".

**Anglujo.** Laŭ iniciato de d-ro Whitaker formiĝas Medicina Esper. S-to, intencanta elirigadi en lingvo internacia specialan ĵurnalon. En Soham fondiĝas Biblia Esper. S-to, kiu esperas kun helpo de Brita biblia Ligo larĝe ekkonduki propagandon de lingvo Esperanto. Favore skribis pri Esperanto gazetoj: „Daily Nevs" kaj „Review of Reviews".

**Бельгія.** № 1 мѣстн. эспер. журнала „La Belga Sonorilo", вступившаго въ 4 годъ существованія, вышелъ въ Duffel подъ новой ред. г. J. Coox. Пропаганда яз. Эсперанто, получившаго небывалый успѣхъ въ

**Belgujo.** № 1 de la loka esper. ĵurn. „La Belga Sonorilo", enirinta en 4-jarekzistadon, eliris en Duffel sub nova red. de S-ro J. Coox. Propagando de lingvo Esperanto, ricevinta eksterordinaran sukceson en Mons, en efekti-

Mons, на состоявшемся недавно тамъ Конгрессѣ Всемірнаго Экономическаго Прогресса, гдѣ докладчикомъ объ Эсперанто былъ небезызвѣстный изслѣдователь Конго, капитанъ Ch. Lemaire, идетъ весьма успѣшно: публичныя рѣчи, курсы и собранія то въ одномъ, то въ другомъ городѣ чередуются безпрерывно и мѣстная пресса:—La Métropole, Le Matin, La Presse, Het Handelsblat, L'Ami de l'Ordre, Le petit Hutois, Le Courrier de l'Ormeau, La Flandre Liberale, Het Volk, Le Bien Public, Journale d'Accouchements, De Limburger, L'Express, Le Bulletin du Cercle, Polyglotte и Der Lusthof постоянно говорятъ о яз. Эсперанто.

**Болгарія**. Въ Шуменѣ основалась эспер. группа, предсѣдателемъ которой выбранъ г. Сильвестріевъ.

**Германія**. Проф. Оствальдъ произнесъ публ. рѣчь о яз. Эсперанто въ Salzburg на вольныхъ курсахъ Высшей Школы. 12 Сент. въ Берлинѣ умеръ молодой энергичный пропагандистъ яз. Эсперанто баронъ Александръ Ваттеръ. Т. Valeto изъ Брауншвейга убѣдительнѣйше проситъ всѣхъ эсперантистовъ, въ интересахъ успѣшн. пропаг. междунар. яз., писать, какъ можно отчетливѣе, или ставить штампъ: „Korespondo en lingvo internacia Esperanto" на всѣхъ, отправляемыхъ заграницу, открыткахъ, конвертахъ и письмахъ. Газеты: Vossische Zeitung, Neues Wiener Tageblatt, Pester Lloyd, Hamburger Nachrichten, Schlesische Zeitung, Neue Bad. Landes Zeitung, Leipziger Neueste Nachrichten, Wisbadener Tageblatt, General Anzeiger für Stettin und Provinz Pommern, Teltower Kreisblatt, Die Zeit, Das Reich, Deutsche Warte и другія благопріятно отозвались о яз. Эсперанто.

3-ій Эспер. Конгрессъ предполагается въ 1907 г. во Франкфуртѣ.

**Голландія**. Эспер. клубъ въ Утрехтѣ открываетъ Эспер. Библіотеку.

**Данія**. Фирма Höst et Son въ Копенгагенѣ издала эспер. учебники. Газета „Freds Bladet" помѣстила замѣтку г-на Skeel Giörling объ эспер. движеніи среди послѣдователей мирнаго движенія.

**Исладія**. Выход. въ Reykjavik еженед. газ. „Fjodolfur" опубликовала эсперантское письмо, прислан. русскимъ, о современномъ положеніи Россіи.

viĝinta nelonge tie Kongreso de Tutmonda Ekonomia Progreso, kie raportanto pri Esperanto estis sufiĉe konata esploranto de Kongo, kapitano Ch. Lemaire, tre prosperas: publikaj paroladoj, kursoj kaj kunvenoj alternas senhalte kaj la loka gazetaro: La Metropole, Le Matin, La Presse, Het Handelsblatt, L'Ami de l'orde, Le Petit Hutois, Le Courrier de l'Ormeau, La Flandre Liberale, Het Volk, Le Bien Public, Journale d'Accouchements, De Limburger, L'Express, Le Bulletin du Cercle, Polyglotte kaj Der Lusthof ĉiam traktadas pri lingvo esperanto.

**Bulgarujo.** En Shumen fondiĝis esperantista grupo, kies prezidanto estis elektita s-ro Silvestriev.

**Germanujo.** Prof. Ostvald faris publ. paroladon pri lingvo Esperanto en Salzburg en liberaj kursoj de Altlernejo. 12 sept. en Berlino mortis juna energiema propagandanto de lingvo Esperanto barono Vatter. S-ro Valeto el Brunsvigo plej konvinke petas ĉiujn esperantistojn, pro interesoj de sukcesa propagando de lingvo internacia, skribi laŭeble pli legeble aŭ surmetadi ŝtampon: „Korespondado en lingvo internacia Esperanto" sur ĉiuj, sendataj eksterlandon, poŝtkartoj, kovertoj kaj leteroj. Gazetoj: Vossische Zeitung, Neues Wiener Tageblatt, Pester Lloyd, Gamburger Nachrichter, Schlesische Zeitung, Neue Bad. Landes Zeitung, Leipziger Neueste Nachrichten, Wiesbadener Tageblatt, General Anzeiger fur Stettin und Provinz Pommern, Teltower Kreisblatt, Die Zeit, Das Reich, Deutsche Warte kaj aliaj favore skribis pri lingvo esperanto.

3-a Esper. Kongreso estas antaŭdifinita en 1907 j. en Frankfurto sur Majno.

**Holando.** Esper. klubo en Utreĥto malfermas Esperantistan Bibliotekon.

**Danujo.** Firmo Höst et Son en Kopenhagen eldonis esper. lernolibrojn. Gazeto „Freds Bladet" enmetis noton de s-ro Skeel Giörling pri movado esper. inter pacifistoj.

**Islando.** Eliranta en Reykjavik semajna gaz. „Fiodolfur" publikigis esperantan leteron, alsenditan de ruso, pri nuntempa stato de Rusujo.

**Испанія.** Основалась эсперант. группа въ Terrasa и ожидается открытіе въ Malaga. Газ.: Provincia de Valencia, Provincia de Castellon, La Correspondencia de Alicante, La Correspon dencia de Espana, La Verdad, El Castellano, Murcia, El Liberal de Murcia, La region de Levante, Los Sucesos и др. помѣстили замѣтки о Булоньскомъ конгрессѣ и объ яз. Эсперанто.

**Италія.** Въ Римѣ основалась эспер. группа „Imperioza Civitas". Выходъ въ Палермо газ. „La Sicilia Universitaria" регулярно удѣляетъ 2—3 большія страницы эспер. тексту. Администр. мѣстн. эспер. журн. „Gefrataro Esperanta," адвокатъ R. Bagnulo, открылъ сборъ пожертвованій въ пользу пострадавшаго отъ землетрясенія населенія Калабріи и намѣренъ основать Благотворит. Эспер. Союзъ для оказанія посильной помощи людямъ на случай подобныхъ бѣдствій. № 4 назв. выше журнала „G. E." вмѣщаетъ ноты и романсъ на яз. эспер. „Окно, которое свѣтилось."

**Новая Зеландія.** Газ. „The Otago Witness" опубликовала ст. объ яз. Эсперанто.

**Перу.** Журн. „El Comercio" ежемѣсячно помѣщаетъ руков. ст. объ Эсперанто. Мѣстн. эспер. журн. „Antaŭen, Esperantistoj!" вступилъ въ 3 годъ существованія и уже вышли № № 1, 2 и 3-й

**Португалія.** Еженед. газ. „A. Defesa" вых. въ Villa Nova de Gaya, опубликовала ст. объ Эсперанто съ изложеніемъ грамматич. правилъ языка.

**Россія.** Въ Одессѣ возобновилось Отдѣленіе О-ва Эсперо, предсѣдателемъ котораго избранъ д-ръ И. Луценко. Въ составъ членовъ Отдѣленія вошли небезызвѣстные дѣятельные эсперантисты: В. Полянскій, Боровко, В. Гернетъ, А. Кофманъ, Чайковская и другіе.

По иниціативѣ д-ра А. Наумакна формируется въ Радомѣ отдѣленіе О-ва „Эсперо".

Въ № 2543 газ. „Туркестанскія Вѣдомости" появилось сообщеніе о награжденіи д-ра Л. Заменгофа орденомъ Почетнаго Легіона и объ необычайномъ успѣхахъ яз. Эсперанто во всемъ мірѣ.

Вслѣдствіе новаго закона о свободѣ союзовъ, отмѣняющаго ограничительныя правила относительно образованія и дѣятельности Обществъ, Союзовъ и т. п., Комитетъ О-ва „Эсперо" приступаетъ къ пересмотру

**Hispanujo.** Fondiĝis esper. grupo en Terrasa kaj oni atendas la malfermon en Malaga. Gaz.: Provincias de Valencia, La Provincia de Castellon, La Correspondencia de Alicante, La Correspondencia de Espana, La Verdad, El Castellano, Murcia, El Liberal de Murcia, La Region de Levante, Los Sucesos kaj aliaj enmetis notojn pri Boulogne'-a Kongreso kaj pri lingvo Esperanto.

**Italujo.** En Romo fondiĝis esper. grupo „Imperioza Civitas". Elir. en Palermo gaz. „La Sicilia Universitaria" regule donas 2—3 grandajn paĝojn al esper. teksto. Administr. de loka esper. ĵurn. „Gefrataro Esperanta", advokato R. Bagnulo, aranĝis monoferadon por suferinta de tertremo en Kalabrio loĝantaro kaj intencas fondi Bonfarantan Esper. Ligon por laŭpova helpado al homoj je okazo de similaj malfeliĉoj. № 4 de suprenomita ĵurnalo „G. E." enhavas muzikaĵon kaj esperantan romancon: „Fenestro kiu lumiĝis".

**Nova Zelando.** Gaz. „The Otago Witness" publikigis artik. pri lingvo Esperanto.

**Peruo.** Ĵurn. „El Comercio" ĉiumonate enhavas gvidajn artik. pri Esperanto. Lokaj esper. ĵurn. „Antaŭen, Esperantistoj!" eniris en 3-jarekzistadon kaj jam aperis №№ 1, 2 kaj 3-a.

**Portugalujo.** Semajna gaz. „A. Defesa", elir. en Villa Nova de Gaya, publikigis artik. pri Esperanto kun elmeto el gramatikaj reguloj de lingvo.

**Rusujo.** En Odeso reaperis Filio de la S-to Espero, kies prezidanto estas elektita d-ro I. Lucenko. En aron de membroj de filio eniris sufiĉe konataj agemaj geesperantistoj: V. Polanskij, Borovko, V. Gernet, A. Kofman, Ĉajkovskaja kaj aliaj.

Laŭ iniciato de d-ro A. Naumann formiĝas filio de la S-to Espero en Radom.

En № 2543 de gaz. „Turkestanaj Sciigoj" aperis komuniko pri rekompenco de d-ro L. Zamenhof per la ordeno de Honora Legiono kaj pri sukcesoj de lingvo Esperanto en tuta mondo.

En sekvo de la nova leĝo pri la libereco de ligoj (societoj), foriganta la limigantajn regulojn pri fondiĝo kaj agado de Societoj, Ligoj kaj sim., la Komitato de la S-to „Espero" komencas la retrarigardon de la nuna regularo

теперешняго устава О-ва и къ выработкѣ проэкта новаго, измѣненнаго въ смыслѣ самаго возможнаго расширенія доступа и участія въ О-вѣ, между прочимъ къ коренному измѣненію стѣснительныхъ пунктовъ, касающихся правъ членовъ-женщинъ, условій открытія Отдѣленій О-ва и нѣкоторыхъ вопросовъ внутренней организаціи, послѣ чего измѣненный и принятый Общимъ Собраніемъ уставъ будетъ проведенъ въ жизнь явочнымъ порядкомъ.

Весьма желательно было-бы имѣть въ обработкѣ на яз. Эсперанто учебникъ легчайшей стенографіи стараго эсперантиста В. Вахеръ, вышедшій въ 1904 году въ С.П-Бургѣ вторымъ изданіемъ—„Практическій курсъ упрощенной стенографіи".

Изв. эсперантистъ-поэтъ, В. Н. Девятнинъ сотрудникъ нашего журнала, закончилъ приготовленіе 3-го тома полнаго собранія своихъ сочиненій, печатаніе котораго начнется въ скоромъ времени. Этотъ томъ будетъ заключать слѣд. произведенія: „Русланъ и Людмила" А. С. Пушкина въ стихотворномъ переводѣ на Эсперанто, „Mirinda lando"—фантастич. картины въ стихахъ, „Hero kaj Leando"—поэма Шиллера, „Blanka vualo" (изъ Гартмана) и оригинальныя эспер. стихотворенія г. Девятнина.

Получено сообщеніе отъ члена О-ва „Эсперо" г. Г. Давыдова (Саратовъ), что г. Харазянъ (армянинъ), проживающій въ въ настоящее время въ Саратовѣ закончилъ переводъ на армянскій языкъ „Полнаго учебника межд. яз. Эсперанто" д-ра Заменгофа и приступилъ къ переводу „Ekzercaro".

**Сальвадоръ.** Жив. въ Гватемалѣ г. Ricarda Goyzuela Abril, первый піонеръ яз. Эсперанто въ Южной Америкѣ, хлопочетъ объ открытіи въ Санъ-Сальвадорѣ эспер. группы. Газ. „Diario del Salvador", „Estrella de El Salvador" и др. опубликовали ст. объ яз. Эсперанто.

**Соединенные Штаты.** Въ Нью-Іоркѣ основалось Эспер. О-во. Г. J. Park въ Буффало издалъ откр. письма, вмѣщающія грамматику яз. Эсперанто.

**Франція.** Въ Парижѣ формируется Эсп. О-во Мутуалистовъ (филантропическое). Умеръ полковникъ Charles Renard, дѣят. пропагандистъ яз. эсперанто и одинъ изъ основателей журн. „Internacia Scienca Revuo". Французскіе рабочіе, какъ сообщаетъ

de la S-to kaj la ellaboron de la projekto de la nova, ŝanĝita en senco de la plej ebla plivastigo de l'enirebleco kaj partoprenado en la S-to, interalie la radikan ŝanĝon de la ĝenantaj punktoj, koncernantaj rajtojn de la membroj-virinoj, kondiĉojn de malfermiĝo de la Filioj de la S-to kaj kelkajn demandojn de interna organizacio, post kio ŝanĝita kaj akceptita de la Komuna Kunsido regularo estos enkondukita en la vivon per la sciiganta (malkoncesia) maniero *).

Tre dezirinde estus havi prilaboritan en Esperanto lernolibron de plej facila stenografio de malnova esperantisto W. Waĥer, elir en 1904 j. en dua eldono—„Praktika kurso de simpligita stenografio".

Konata esperantisto-poeto, V. N. Devjatnin, kunlaboranto de nia ĵurnalo, finis la pretigadon de la 3-a tomo de sia plena verkaro, kaj baldaŭ estos komencita ĝia presado. Tiu ĉi tomo enhavos la sekvantajn verkojn: „Ruslano kaj Ludmilo" — granda poemo de A. Puŝkin, tradukita per rimaj versoj, „Mirinda lando"—fantaziaj versaj pentraĵoj, „Hero kaj Leandro" poemo de Ŝiller, „Blanka vualo" (el Hartman) kaj originalaj esper. versajoj de S-ro Devjatnin.

Estas ricevita la sciigo de la membro de l'S-to „Espero" S-ro G. Davidov (Saratov), ke s-ro Ĥarazjan (armeno), loĝanta en Saratov en nuna tempo finis tradukon en armenan lingvon de la „Plena lernolibro de la lingvo internacia Esperanto" de d-ro Zamenhof kaj komencis la tradukadon de „Ekzercaro".

**Salvadoro.** Loĝ. en Gvatemalo s-ro Ricarda Goyzuela Abril, la unua pioniro de lingvo Esperanto en suda Ameriko, klopodas pri malfermo de esper. grupo en San-Salvadoro. Gaz. „Diario del Salvador, „Estrella de El Salvador" kaj aliaj publikigis artik. pri lingvo Esperanto.

**Unuigitaj Ŝtatoj.** En Nov-Jorko fondiĝis Esper. S-to. S-ro J. Park en Buffalo eldonis poŝtkartojn, enhavantajn la gramatikon de lingvo Esperanto.

**Francujo.** En Parizo formiĝas Esper. S-to de Mutualistoj (filantropa). Mortis kolonelo Charles Renard, agema propagandanto de lin-

*) Ne bezonante permeson de l'registaro, sed nur informante ĝin por enregistro.

со словъ изв. публициста д-ра Зелинскаго г. Л. Бельмонтъ въ одномъ изъ русскихъ журналовъ, начинаютъ изучать языкъ Эсперанто.

**Швейцарія.** Въ Nyon основалась Эспер. группа. Въ Женевѣ предположено устроить 2-ой всемірный конгрессъ эсперантистовъ въ 1906 году. (см. въ началѣ хроники).

Радрипо.

gvo Esperanto kaj unu el fondintoj de ĵurnalo „Internacia Scienca Revuo". Francaj laboristoj, kiel publikigis laŭ la paroloj de konata publicisto d-ro Zelinski S-ro L. Belmont en unu el rusaj ĵurnaloj, komencas ellernadi la lingvon Esperanto.

**Svisujo**. En Nyon fondiĝis la esper. grupo. En Genève oni intencas aranĝi la 2-an universalan kongreson de esperantistoj en 1906 jaro (vidu la komencon de la kroniko).

Radripo.

## INTER FRAMASONOJ.

На 1-мъ Эспер. Конгрессѣ въ Булони собравшіеся изъ разныхъ странъ франкъ-масоны-эсперантисты основали свой клубъ „Espero Framasona" (Франкъ-масонская Надежда) и выработали слѣдующую программу своей дѣятельности: 1. объединить франкъ-масоновъ-эсперантистовъ всѣхъ странъ; 2 устранить разногласія и предразсудки между франкъ-масонами различныхъ націй и обрядовъ благодаря знанію вспомогат. яз. эсперанто. Составъ Временнаго комитета: предсѣдат. F. Pourcines, Nancy (Франція), Вице-Предсѣдатели L. Pollen, London (Англія) и C. Barthet, Frankfurt a. M. (Германія). Секретарь-Казначей, P. Mossmann, Vesoul (Франція).

Dum 1-a Esper. Kongreso en Bulogne kunvenintaj el diversaj landoj framasonoj-esperantistoj fondis sian klubon „Espero Framasona" kaj ellaboris la sekvantan programon de sia agado: 1. Kunigi diverslandajn framasonojn-esperantistojn; 2. forigi malkonsentojn kaj antaŭjuĝojn inter diversnaciaj kaj diversritaj*) framasonoj dank' al scio de helpa lingvo Esperanto. Estraro el Provizora Komitato: Prezidanto: F. Pourcines, Nancy (Francujo), Vic-Prezidantoj L. Pollen, Londono (Anglujo), kaj C. Barthel, Frankfurt a. M. (Germanujo), Sekretario-Kasisto, P. Mossmann, Vesoul (Francujo).

(Laŭ ĵurn. „Germana Esperantisto", № 11).

## INTER SOCIALISTOJ.

21—8 Іюня сего года было послано въ Международное Соціалистическое Бюро (Bureau Socialiste International) въ Брюсселѣ (Бельгія) слѣдующее письмо:

„Нижеподписавшіеся, присоединившіеся къ Международной Федераціи Рабочихъ, просятъ Международное Соціалистическое Бюро въ Брюсселѣ принять межународный яз. Эсперанто въ качествѣ оффиціальнаго языка Международной Федераціи Рабочихъ и употреблять этотъ языкъ для всѣхъ международныхъ циркуляровъ, извѣщеній и конгрессовъ".

Подписи: **Англія:** John Kent, членъ Англійской Соціалъ-Демократической Федераціи въ Ilfort (Essex).

21—8 Junio de nuna jaro estis sendita en Internacian Socialistan Oficejon (Bureau Socialiste Internationale) en Bruxelles (Belgique) la sekvanta letero:

„La subskribintoj, aliĝintaj al Internacia Federacio de Laboristoj, petas de la Internacia Socialista Oficejo en Bruselo alprenon de internacia lingvo Esperanto, kiel oficiala lingvo de Internacia Federacio de Laboristoj, kaj uzadon de tiu ĉi lingvo por ĉiuj internaciaj cirkuleroj, sciigoj kaj kongresoj".

Subskriboj: **Anglujo:** John Kent, membro de Social-Demokrata Federacio en Ilfort (Essex).

---

*) Rito=rit (rite)—franc.=Ritus—germ. = rite—angl.=ритуалъ обрядъ,—rus.

Rim. de l'Redakcio.

**Германія:** Peter Ochrlein, Секретарь Всеобщаго Рабочаго Союза (Allgemeiner Arbeiter Verein).

**Италія:** Jean Gualci, Секретарь Итальянской Соціалистической Секціи въ Женевѣ.

**Россія:** Галинскій, членъ Партіи Соціалистовъ-Революціонеровъ.

**Франція:** Vincent Richard, Секретарь Кружка Соціальныхъ Ученій и Свободной Мысли (Cercle d'Etudes Sociales et de Libre Pensée) въ Бельгардѣ (Ain).

**Швейцарія.** Д-ръ Wyss, членъ Швейцарской Соціалистической Партіи, Секретарь Коммунистическаго Кружка въ Женевѣ.

**Germanujo:** Peter Ochrlein, Sekretario de Universala Laborista Ligo (Allgemeiner Arbeiter Verein).

**Italujo:** Jean Gualci, Sekretario de Itala Socialista Sekcio en Genève.

**Rusujo:** Galinski, membro de Partio de Socialistoj-Revolucianoj.

**Francujo:** Vincent Richard, Sekretario de Rondo de Studoj Socialaj kaj de Libera Penso (Cercle d'Etudes Sociales et de Libre Pensée) en Bellegarde (Ain).

**Svisujo:** D-ro Wyss, membro de Svisa Socialista Partio kaj Sekretario de Komunista Rondo (Cercle Communiste) en Genève.

(Laŭ france-esperanta jurnalo „Esperanto", № 9).



# EL M. LERMONTOV.

## III.

### NUBOJ.

Nuboj ĉielaj, eternaj migrantoj!
En step' lazura, en perla rubando
Vi elpelitoj, al mi similantaj,
Kuras el nord' kara al suda lando.

Kiu vin pelas: de sorto-ordono?
Klara malico? Kaŝita envio?
Ĉu eble premas vin krimo malbona?
Ĉu de amikoj venen—kalumnio?

Ne, vin jam tedis sefrukta semujo...
Vin ja ne konas pasioj, suferoj:
Kaj estas nek elpelad', nek patrujo
Por vi, malvarmaj kaj ĉiam liberaj.

## IV.

### ONDOJ KAJ HOMOJ.

Ondoj ruliĝas, post unu—alia,
Surde kaj brue plaŭdante;
Homoj pasadas kun celo nenia,
Homojn aliajn sekvante.

Ondojn malvarmo, sklaveco pli tiras
Ol sudradioj plej ĉarmaj;
Homoj animojn varmigi deziras...
Ondoj sed estas pli varmaj!

Vsevolod Lojko.



# Bibliografio.

**Ch. Dickens.** „Kristnaska Sonorado". Rakonto, esperantigita de Martyn Westcott. 1905, London, eldono de „Review of Reviews", paĝoj 83 in 16⁰, kosto 1 fr. 25 cent. (50 kop.).

Belege eldonita verko de glora Ch. Dickens estas unu el la plej ŝatindaj libroj en Esperanta literaturo. Kristnaska fantoma rakonto (ĝia angla titolo estas „A. Christmas Carol") pri sensenta avara Scrooge (Skruĝ), homo kun malvarma animo, kiu sub influo de Fantomoj, montrantaj al li lian pasintan vivon, ŝanĝiĝas kaj boniĝas, vere tuŝos la leganton. Delikata sprithumoro de la plej granda angla romanisto—klasikulo faras tiun ĉi belan verkon tre plaĉinda al ĉiu leganto, amanta la belan literaturon kaj ŝatanta aparte Dickens. Kaj kiu do el ni ne amas la genian adepton de humaneco, kiu dum miaj junaj jaroj estis unu el la plej amataj miaj aŭtoroj.

La traduko de S-ro Westcott, bona propagandisto de Esperanto en Anglujo, estas malriproĉinda kaj facile legata, ĉar la tradukinto posedas Esperanton pli bone ol kelkaj aliaj aŭtoroj Esperantaj. Cetere, bonecon de tiu ĉi nova libro sufiĉe atestas, ke ĝi apartenas al la „Kolekto Esperanta aprobita de d-ro Zamenhof". Nur sur la paĝo 3-a ni renkontis vorton, kiu iom konfuzis nin: „homino". Oni ja povas demandi, ĉu „virino" ne estas „homo"?

**Rimarko.** Kial la eldonisto de tiu ĉi libro, same kiel ĉiuj anglaj eldonistoj kaj gazetoj, signas la kostojn de la Esperantaĵoj nur per angla maniero, komprenata ne de ĉiuj? Por klareco oni devus fari tion ĉi almenaŭ per francaj monaj signoj, kiel la plej internaciaj.

O. R. F.

**„Grand Dictionnaire Français-Esperanto".** Verkata sub direktado de jurnaloj „Lingvo Internacia" kaj L'Espérantiste". Eliras en apartaj kajeroj. 1905, Paris, „Presa Esperantista S-to", Kosto (en subskribo): 17 frank. per unu pago aŭ 18 fr., pageblaj en 6 monatoj.

Ni ricevis la unuajn modelajn foliojn de la nova tre grava eldono, entreprenita de l'Pariza „Presa Esp. S-to". Tiu ĉi grandega verko (2 grandformataj volumoj, enhavontaj po ĉirkaŭ 1000 paĝoj) estas gravega por Esperanto, ĉar ĝi estos unua efektive plena vortaro kaj povos esti tre utila ne sole por la francoj, sed ankaŭ por ĉiunaciaj esperantistoj. Riĉeco de la vortaro, enhavanta ĉe ĉiu vorto multajn sintaksajn ekzemplojn, nuancojn de parolado, kutimajn esprimojn kaj cet., estas neordinara. La aŭtoritatecon de tiu ĉi fundamenta eldono kreas la partoprenado en ĝia kolektiva verkado de plej konataj kaj kompetentaj diverslingvaj esperantistoj.

**I. F. Khun.** „Majstro Jan Hus". La vivo, agado, kondamno kaj morto de l'glorinda martiro. 1905, Paris, „Pr. Esp. S-to". Pp. 40. Kosto 35 kop. (=85 cent.).

Esperanto progresas... Tia estas la impreso, kiun faras la verko de nia bohema samideano S-ro Khun. Efektive, se Esperanta literaturo povas jam havi bonajn originalajn verkojn, kies temoj estas ĝenerale interesaj, sed ne speciale Esperantaj, tio ĉi estas sendube la plej bona pruvo, ke la Esperanta afero eliras el la neeviteble malvasta ĉelo de siaj propraj „hejmaj" interesoj kaj fariĝas pli vasta kaj, sekve, progresebla. Bele verkita biografio de l'glora bohema batalanto pro purigo de la mezcentjara eklezio kaj la antaŭrinto de l'agantoj de reformacio estas plena de detalaj priskriboj de la historio de persekutado de Jan Hus, de Konstanca eklezia koncilio (1414 j.), kie oni juĝis Hus, kondamnis lin kaj poste forbruligis. La verko donas plenan pentrajon de tuta vivo de Hus, de eminenta persono de la nobelulo, kies devizon „Serĉu la veron, aŭdu la veron, lernu la veron, amu la veron, defendu la veron ĝis la morto!" prenis la aŭtoro de la libro por la epigrafo.

Kun vera fiereco oni povas montri tiun ĉi belan libron al tiuj, kiuj dubas pri utileco de Esperanto. Mi kun vera utilo kaj plezuro legis ĝin kaj ŝatas ĝin ne sole pro ĝia Esperanteco, sed nome pro ĝiaj internaj indecoj. La stilo de la libro „Majstro Jan Hus" estas perfekta. La eksteraĵo estas ankaŭ bonega. La libro enhavas la portreton de Hus kaj tre lerte skribitan antaŭparolon de S-ro C. Bourlet.

Standardisto.

**Fez.** „Homa doloro". Poemo, originale verkita. 1905, Paris, „Presa Esp. S-to". Kosto 12 kop.

Tre gracia poemo de konata varsovia esperantisto — poeto devas plaĉi al leganto. Ĝi estas skribita en la bonegaj versoj.

**D-ro A.—Y. Albert.** „Kuracado de la Mallakso kaj de ĝiaj komplikoj". Esperantigis d-ro Mazeran. Eldono de l' „Esperantista Medicina Grupo". 1905, Paris. Pp. 16. Kosto 25 kop. (=60 cent.).

La esperantistoj havas novan libreton medicinan, traktantan pri la malnorma stato de la stomakaj organoj, pri la sekvoj de tia malnormaĵo kaj pri la rimedoj de la kuracado. Tiu ĉi bonenhava scienca broŝureto estos interesa kaj utila ne sole por la medicinistoj, sed precipe al vasta publiko, ĉar ĝi estas verkita tre popular-maniere kaj koncernas la tre ofte renkontiĝantan malsanon.

**Iohano Ros Sudria.** „La komerca sekretario". Dokumentaro komerca. 1905, Paris, Hachette et C-ie Pp. 48. Kosto 25 kop.

En la verko de s-ro Sudria, la hispana esperantisto, estas donitaj la modeloj de ĉiuspecaj dokumentoj komercaj, uzataj ĉe diversaj komercaj interrilatoj. Tre multan kaj bone kolektitan materialon oni trovas en tiu ĉi libreto, necesa por ĉiu komercisto-esperantisto. Ankaŭ donas la aŭtoro la modelojn de diversaj kalkulnotoj, kambioj kaj mult. al. La eldono de la firmo Hachette estas, kiel ordinare, bela, sed ni rimarkis du gravajn preserarojn: sur mem kovrilo la titolon de la libro oni presis tiel jen: „La komerca secretario" (!) Kaj iom pli malsupre ankaŭ sur kovrilo sub la nomo de la aŭtoro estas presite: „esperantista (?) nº 8092". Ni, kompreneble, ne parolus tie ĉi pri la preseraroj, sed rilate al tia firmo, kiel la firmo Hachete, simila malzorgemeco ne estas pardonebla.

**„Novaj vortoj Esperantaj,** donitaj aŭ aprobitaj de d-ro L. Zamenhof". Kosto 8 kop. Oni povas aĉetadi en la S-to „Espero".

Kvankam tiu ĉi represo el la nun ne ekzistanta gazeto „Česky Esperantista" ne estas la nova eldonaĵo, tamen ni deziras rememorigi pri ĝi, ĉar ĝi estas grava kolekto da diversaj vortoj, kiujn enhavas nek „Universala Vortaro", nek esper.—franca vortaro de L. de-Beaufront, nek aliaj plej plenaj vortaroj ĝis nun aperintaj. La lingvo Esperanto senĉese evolucias, riĉiĝas kaj pliperfektiĝas, kaj ĝia literaturo ĉiam aperigas la novajn vortojn laŭ naskiĝantaj bezonoj de l'uzado de Esperanto. „Novaj vortoj Esperantaj" estas utila gvida libreto (kvankam ne sufiĉe plena) por esperantistoj kaj aparte por tiuj el ili, kiuj uzas Esperanton por literatura skribado.



# La Kongreso de esperantistoj.

(El impresoj) *.

De **Leo Belmont.**

Mi ne intencis veturi al la kongreso de esperantistoj. Se diri sincere, mi timis disreviĝon. Ĉu eble ion tro grandan atendas la esperantistoj de la unua kongreso, se oni juĝos laŭ iliaj ĵurnaloj? Anstataŭ 'luksa spirita festeno ĉu mi ne vidos ridindan kontraŭvole amaseton de obstinaj revantoj? Aŭ ankoraŭ pli malbone, ĉu ne montriĝos, povas esti, tiuj malfacilaĵoj, kiuj jam delonge estis antaŭdiritaj de naturaj skeptikuloj; ĉe granda maso de l'kunvenintaj diverslandanoj, ĉu ne elmontriĝos la signifaj diferencoj de l'prononcado, malhelpantaj interkomprenadon? Tiuj, kiuj konatiĝis kun la reguloj de l'fonetiko de l'Esperanta lingvo nur teorie, kiuj ĝis nun estis unu kun alia nur en skribaj interrilatoj, ĉu ili ne aperos subite en malgaja rolo de l'konstruantoj de l'turo Babela?

*) Ni presas tiun ĉi tradukon de la artikolo de s-ro Belmont kun kelkaj malgrandaj mallongigoj.

La Redakcio.

Tamen esti ĝuste en Monjeron'o, apud Parizo, t. e. nur en interspaco de kelkaj horoj de Boulogne-sur-Mer—la loko de l'kongreso, kaj ne aperi en solena momento en la akto de ekzameno, kiun devas elprovi la granda ideo, pro kiu mi laboradis kune kun aliaj, pro kiu okazadis ne unufoje preni en la manojn la polemikan ponardegon?!... Jes, tento estis pli forta ol timo. Mi decidis veturi, kvankam ne sen ŝancelado preskaŭ ĝis la plej lasta minuto. Mi venas en Boulogne kelkajn horojn antaŭ la malfermiĝo de l'kongreso.

En la stacidomo estas maso de homoj..., parolantaj en la franca lingvo, ŝajnas, rilatantaj tute indiferente al tiu ideo, kiu alkondukis min tien ĉi. Sur la kanalo estas granda, simila al arbaro, amaso de la mastoj, akre enpikiĝantaj en la plumban ĉielon de malfrua posttagmeza horo. Sur la altaĵo kontraŭ la stacidomo alte staras multego da malvaste konstruitaj domoj—kvazaŭ malluma ŝtona enigmo. Mi faras kelkajn paŝojn, venas sur la ponton—de l'proksime kuŝanta maro, blue vidata sur la horizonto, alflugas vento, malvarmiganta kiel moko...

Kie do estas la promesitaj flagoj?... Ial ne estas ili vidataj!

Kvazaŭ malvarma piko de ŝtala kudrilo trapikas mian koron. Mi sentas jam antaŭen maldoĉecon de prepariĝanta disreviĝo. Jes, tuta nia kongreso perdiĝos en tiu ĉi amazo de indiferentaj homoj, en tiu ĉi arbaro de domoj kaj ŝipaj maŝtoj. Kion do diri pri grandega homa maso? Ĝi restos surda al nia alvoko—surda, kiel tiu maro... Tamen, apenaŭ mi venis sur la ĉefan straton, jam sur angulo de l'strato de Viktor Hugo, min mirigas la neordinara vidaĵo: inter francaj flagoj, apud la enirejo de l'hotelo paradas la verda standardo—sur unu rando de l'tolo estas la blanka kvadrato, kaj en ĝi la konata al mi steleto de l'koloro de espero kaj la litero E:—Esperanto! Iu plu, des pli multe da tiaj flagoj estas apud la enirejoj de hoteloj. Ili signas la lokojn de loĝejoj de venintaj al la kongreso gastoj.

Mi ne bezonas demandi pri la vojo. Min kondukas la instinkto. Pli vere dirante, min altiras la parolado de multaj voĉoj sur la angulo de unu el la stratoj. Post kelkaj minutoj miaj okuloj renkontas la grandegajn spegulajn fenestrojn de la kafejo aŭ restoracio: la salono estas tute plenigita, la homa ondo elverŝiĝis trans la sojlo, atingis la mezon de l'larĝa trotuaro; sur kelkaj gastoj, sidantaj sur la strato ĉirkaŭ rondaj tabloj, mi rimarkis sur la bordoj de l'surtutoj la verdajn esperantistajn steletojn—la signojn de kolegoj je l'ideo. Kaj super la enirejo, sur la blanka skarpo, la surskribon en Esperanto: „postulu la plej bonan el gasaj trinkaĵoj, nomatan Zamenhof"!

Esti la kreinto de la lingvo internacia kaj... prunte doni sian nomon, laŭ deziro de l'mastro de l'hotelo, al la gasa akvo—sendube tio ĉi estas ridinda. Se moderna reklamo metas sian manegon sur ies nomon kaj provas je ĝi spekuladi—tio ĉi povas ŝajni abomena. Tamen tio ĉi estas samtempe elokventa atesto de l'komenciĝanta populariĝeco de la nomo, kaj sekve ankaŭ de tiu ideo' kiun tiu ĉi homo reprezentas. Ankoraŭ unu rigardo, jetita sur la anoncojn—kaj ankoraŭ unu banale—elokventa pruvo de l'progresanta ideo de lingvo internacia: la vino „esperanto"!

Tamen, jen estas ankaŭ la pli noblaj argumentoj: kontraŭ la kafejo staras la urba teatro—laŭ montro de l'programo la locum (loko) de l'kunsidoj de la kongreso. Sur la frontaĵo estas metita la konvena al tiu ĉi okazo simbola transporanto: kelkaj figuroj, jetitaj per kuraĝa peniko sur la tolon, vestitaj en naciajn kostumojn kaj kunligitaj en movado per la frateca manpremo. Malsupre troviĝas la surskribo, krianta per la koloraj literoj en franca lingvo: „Esperanto—la plej bona solvo de l'problemo de internacia helpa lingvo. La eksperimentaj provoj, neigantaj ĉiujn kontraŭajn argumentojn".

Tra la staranta apud la teatro densa amaso de la kongresanoj, kaptante jam per la orelo la konatajn sonojn de l'esperanta lingvo, mi enpaŝas en la vastan vestiblon de la konstruaĵo. Tie ĉi estas interpuŝado kaj bruo, nepriskribeblaj. La esperantistoj desaĉetas la jurnalojn, ricevas la programojn de l'kongreso, la anoncojn, informojn, mendas la lokojn en la bankedo, enskribas siajn nomojn kaj ĉi-tiajn adresojn. Mi estas trempita en bolaĵon de la febra gajeco—tiom da rido kaj ĝojaj ekkrioj estas tie ĉi. Videble tie ĉi montras sin la temperamento, sed estas sentata ankoraŭ io alia, kion dum unua minuto mi ne komprenas, ne povas difini. Tio ĉi estas la ĝojo de multegaj homoj, kiuj ĝis nuna tempo interkonatiĝadis nur per artikoloj en jurnaloj, per poŝtkartoj—ili faradis konatiĝojn, uzante la presatajn en la

ĵurnaloj adresojn kun aldono de l'vortoj: „deziras korespondadi en Esperanto“—sed nun interkonatiĝas persone kaj renkontiĝas, kiel delongaj konatoj. Baldaŭ ankaŭ mi partoprenos en tiu ĉi komuna ĝojo, sed en la donita momento mi ne povas rekonsciiĝi inter tiu ĉi puŝiĝado kaj bruajo. La bonega organizantula talento de l'aranĝinto de l'kongreso, advokato Michaux (Miŝó), ne povis komprenebIe starigi la barojn al komuna senordeco, naskiĝinta en unua momento de l'afluo de tia maso de homoj el diversaj landoj. Mi komencas nur rimarkadi en tiu ĉi amaso la vizaĝojn de diversa nacia tipo.

Subite, per la ĝoja ekkrio salutas min la ruso, d-ro Ostrovskij. Li venis de malproksime—el Jalta. Li rakontas al mi, brilante per ravo, ke lia delonga revo efektiviĝis: ĉie en la vojaĝo, kie ajn li haltadis, lin atendadis „la konatuloj per leteroj“—esperantistoj, sciigitaj pri lia travojaĝo, kaj plifaciligis al li la alvenon en Boulogne.

Sed kie do estas miaj samlandanoj *)? Mi sciiĝas de d-ro Petrovski, ke el poloj venis kelkaj personoj. Estas A. Grabowski, estas Kozlowski kaj Wojde—la membroj de l'Varsovia esperantista societo. Mi serĉas ilin, kuradas sur la ŝtupoj de l'teatra ŝtupo—mi apenaŭ havas tempon por ĵeti rigardon sur la murojn, dense superpenditaj per poŝtaj kartoj el diversaj randoj de Eŭropo, el apartaj landoj de Azio, Afriko, Ameriko. Tio ĉi estas la kartoj ilustritaj, skribitaj de esperantistoj el Peterburgo, Ĥabarovsk, Vladivostok, Peking, Bombey, Nev-Jork, Nagasaki, Alĝerio, Peru, Kanado, Meksiko, kaj t. p.; apenaŭ mi prosperas en tiu ĉi momento ĵeti rigardon sur la tabelon kun la salutantaj telegramoj de l'esperantistoj societoj kaj konstati, ke Varsovio ne malestas en tiu ĉi internacia festo **); nur pase mi rimarkas en tiu ĉi momento provajn numerojn de kelkaj dekoj da esperantaj ĵurnaloj kaj grandegajn kartonojn, per grafikaj linioj prezentantajn, sur fundamento de l'penemaj statistikaj elkalkuloj, la disvolviĝon de esperantismo en Francujo, Svedujo, Alĝerio, Anglujo, Germanujo, Bulgarujo, Hispanujo kaj t. p.; mi ne havas eblon halti nun en la f o j é' kal pli atente rigardi la vere imponantan ekspozicion de multenombraj libraj kaj ĵurnalaj eldonoj en la lingvo Esperanto kaj ankaŭ de la donacoj, alsenditaj de la ĉi-tieaj firmoj, dezirintaj esprimi sian respekton al la aranĝintoj de l'kongreso. Mi revenas en la grandegan vestiblon, kiu zumas simile al abelujo—kaj, al feliĉo, mi renkontas du varsoviajn samideanojn. Ambaŭ estas ĝojaj, ekscitigintaj... Ili rakontas al mi, ke al la kongreso venis pli ol 1200 personoj, ke inter ili estas la reprezentantoj de 27 nacioj, ke Zamenhof venis el Parizo, ke li estis tie akceptita tre afable de la ministro de klerigado s-ro Bienvenu-Martin, kiu promesis al li subteni la ideon de lingvo internacia, ke la esperantistoj pasie deziras vidi sian „majstron“... kaj t. p.

La konsideroj de praktika karaktero—trovi loĝejon en hotelo kaj konforme vestiĝi al la vespera soleno de l'malfermiĝo de la kongreso—ne permesas al mi dume aŭskulti pli da detaloj de miaj samlandanoj. Hoteloj estas troplenigitaj de esperantistoj. Malfacile mi trovas la ĉambron. Kontraŭvole mi malfruas iom en la teatron. La salono estas plenigita ĝis la plej ekstrema grado. En la partero, apud loĝioj, en la unua etaĝo, ĉie la teatraj servantoj renkontas min kun la vortoj: ne estas la liberaj lokoj! Fine en la dua etaĝo en la trairejo mi trovas la staran lokon. Mi eltiras la kolon post aliaj, malfruintaj, kiel mi, rigardantoj, por vidi nur kion ajn—kaj ekscitiĝo forkaptas min subite...

Ankoraŭ mi ne konfidas la okulojn kaj orelojn... Kiel? sekve, tiu ĉi milhoma amaso—tio estas la esperantistoj? Kaj tiu ĉi ĥora kanto, kiu fluas de la sceno al la publiko, streĉite aŭskultanta—ĉu estas tio ĉi efektive la esperanta himno de d-ro Zamenhof? Tiel, ĝi okazis sur buŝoj de homoj—el esperantaj libretoj, kiuj estis objekto de mokado—tiu ĉi „artefarita fabrikato“, tiu ĉi „strangajo“? Ĝin oni kantas tie ĉi, en Boulogne, malproksime de la loko de naskiĝo, kie ĝi estas konata ĝis nun nur al amaseto de „utopiistoj“? Tiu ĉi kvazaŭ „malviva“ frukto de l'spirito tremas vive sur la buŝoj de tiuj ĉi viroj, brilantaj per blankaj vestoj?

---

*) S-ro Belmont estas la polujano.

R i m. d e l'R e d a k c i o.

**) Kompreneble, estis la telegramo ankaŭ de la Peterburga Societo „Espero“.

R i m. d e l' a ŭ t o r o.

Fluas la larĝa ondo de sonoj... fluas solene-melodie... per la vortoj de l'aŭtoro de la himno proklamas epokon, kiam la popoloj en reciproka komprenado trovos la vojon al frateca amo kaj anstataŭ daŭrigado de sanga interna militado kuniĝos apud la fajrejo de komuna kultura laborado...

Kaj sur la fono de blankaj vestoj de l'ĥoro de virinoj eltranĉiĝas en mallumaj siluetoj kelkaj viraj figuroj, sidantaj sur la antaŭsceno. Mi atente rigardas iliajn vizaĝojn. Ĉiuj estas nekonataj — krom unu, kiun mi konas delonge. Kaj ĉar mi konas lin, mi sentas en tiu ĉi momento maltrankvilecon pro li. Al mi ŝajnas, ke tiu ĉi ekstreme modesta homo, tiom malsaneme timanta la personan gloron, tiom peneme forirante ĉiam en ombrecon—pro sia kreitajo, devas senti sin tre malbone, sidante tie, en la mezo de fremdaj homoj, kiujn li neniam vidis ĝis tiam, sub ĉiaflankaj rigardoj de tiu ĉi milhoma amaso. Vere — tiu ĉi estas lia festa tago; sed samtempe tio ĉi estas la tago de fajra ekzameno. Kia estos ĝia fino?

La kantado mallaŭtiĝis. Respondis al la himno varmegaj aplaŭdoj. Leviĝas de sia loko la mero (ĉefo de la urbo), s-ro Peron. Ni fariĝas la atestantoj de la sola en sia speco sceno. La franca mero petas de ni pardonon, ke... li parolas en Francujo en franca lingvo! Gaja rido trakuris en la salono. La mero, metinte la larĝan manplaton sur la brusto, klarigas al ni, ke pro multaj siaj okupiĝoj li ne havis ankoraŭ tempon por ekposedi la esperantan lingvon tiom, por paroli per ĝi publike. Li ne sentas sin pro tio ĉi inda prezidi dum tiu ĉi vespero. Se li akceptis la elekton, tio estis nur tial, ĉar li tamen sentas sin per la tuta koro la esperantisto. En malgranda parolado li bele difinas la signifon de la lingvo Esperanto: „Tio ĉi estas mano, transtirita de unu popolo al alia—super montoj kaj oceanoj". Ĉiu frazo de l'oratoro, tradukita en Esperanton de la sekretario de l'kongreso, s-ro Boulet, estas renkontata per aprobantaj aplaŭdoj. La mero finas, salutante Zamenhof en la nomo de la urbo Boulogne.

Poste parolas la prezidanto de l'komerca ĉambro, s-ro Fajron. Li parolas en Esperanto. Li komencas per la vortoj: „La unua universala kongreso de esperantistoj—estas la konstruado de l'turo Babela"—kaj elvokas tondron de aplaŭdoj. Li substrekas, ke „tio ĉi estas la unua tutmonda kongreso, en kiu regas unu lingvo, facile komprenata de ĉiuj partoprenantoj". La urbo Boulogne „povas esti fiera, ke ĝi enskribas la novan, tre gravan paĝon en la historion de civilizacio". „Tiuj ĉi belaj tagoj—finas la oratoro—estos dediĉitaj al granda kaj utila por la homaro afero kaj ornamitaj per la ĉeestado de l'kreinto de la lingvo internacia".

Siavice leviĝas d-ro Zamenhof. Ondo de potencega entuziasmo superverŝas la tutan salonon. Ĉiuj leviĝas de siaj lokoj. Traflugas vera ventego de aplaŭdadoj, tondras, ĝemas, ne povas kvietiĝi. Tuta tiu ĉi amaso — formas do ĝin homoj maturaĝaj, maljunuloj kaj junularo, viroj kaj virinoj, profesoroj, instruistoj, advokatoj, doktoroj, industriistoj, komercistoj — kriegas kvazaŭ freneza: V i v u  Z a m e n h o f ! Viroj suprenĵetadas programojn, sinjorinoj skuadas ventumilojn. Kaj mi nur nun komprenas, kiom da profunda enhavo estis en tiuj vortoj tiom ofte renkontiĝantaj en esperanta preso: „nia kara majstro". Fine bruo silentiĝas, kaj Zamenhof povas komenci paroladon. En lia „mola voĉo"—laŭ esprimo de la ĉi-tiea gazeto—traŝiriĝas la tuŝanta noto de profunda impreso, kiun li ne povas ekposedi. Li memoras la koran akcepton en Parizo, dankas la ĉi-tieajn urban estraron kaj la organizantojn de l'kongreso pro tio, „ke ili preparis tiun ĉi neforgeseblan por li vesperon". Li rakontas, kio igis lin dediĉi longajn jarojn de laborado al la ideo de lingvo internacia. Per malmultaj vortoj rememoras li pri sia batalado kaj oferoj, kiujn hodiaŭ li opinias rekompencitaj. Kun treega takteco, tute sen kia ajn malsincereco, li honorigas la venkitan de li kreinton de volapük, kiel la unuan homon, donintan la pretan artan lingvon, post centoj da provoj, komencitaj kaj forlasitaj de aliaj. Li konfesas por si nur grandan feliĉon, ke li prosperis efektivigi la ideon de pli signifaj faciligoj kaj konduki post si pli multenombrajn amasojn de adeptoj. Li rememoras kun danko la nomojn de l'mortintaj agantoj—esperantistoj, inter ceteraj Wasniewski. Li esprimas siajn opiniojn pri estonteco de la lingvo internacia kaj pri oportunecoj, promesataj de ĝi al progreso de kulturo. Sian paroladon li finas per la majesta himno je l'honoro de la homaro kaj de kreskanta inter ĝi, malgraŭ ĉiaj malamikaj fortoj, spirito de frateco! *)

---

*) Vidu en tiu ĉi № de „R. E." la versaĵon „Preĝo".

Rim. de l'Red.

Li parolas pli ol duonhoron—lin oni aŭskultas strečite, kun ekscitiĝeco, admirante la enhavon, kaj ankoraŭ pli estante ravitaj, ke lin oni komprenas, ke lin oni povas kompreni. La aŭskultantoj kvazaŭ nur nun ekkonsciis, ke fariĝis vera mirindaĵo—la arta lingvo vivas!

La vespero finiĝis per la koncerto. Oni kantis la kantojn de Mignonne en Esperanto, oni deklamis esperantajn monologojn, ludis en esperanta lingvo la komedion „Mensogo pro amo".

La frutempa promenado en la dua tago de l' kongreso restos en mia memoro ĉiam. Mi neniam estis atestinto de pli originalaj scenoj kaj vidaĵoj. Mi ne memoras tian komunan ĝojon sur vizaĝoj. Mi ne memoras ankaŭ tian... komunan timemecon. Prezentu al vi preskaŭ mil homojn, atendantajn la venon de l'speciala vagonaro, kiu devis veturigi nin sur la marbordon. Ĉiuj estas kun verdaj steletoj en butontruoj. La plej granda parto de tiuj ĉi homoj ĝis nun ne vidis unu la alian—sed ne estas tie ĉi la nekonatuloj. Ĉiuj ekparoladas unu kun la alia tuj, kontrolante sian propran sciecon uzadi la lingvon esperantan kaj dezirante konvinkiĝi, ke la interparolanto estos komprenita. La pleje estas serĉataj la alilandanoj. Samlandano estas malplej interesa. La unua demando estos: al kia nacio vi apartenas? La preskaŭ stereotipa respondo estas: nu, divenu vi mem laŭ la prononco. Komenciĝas divenoj, ofte ne rapide alkondukantaj al ĝusta difino. Franco estas ravita, renkontante germanon, anglon, ruson, polon, bohemon, holandon, svedon, kaj t. p.—kaj male. La demandoj de la lingvoscienco fariĝas la plej gravaj demandoj de l'tago. Plenaj da mirego homoj rakontas unu al la alia, ke ili ellernis Esperanton dum kelkaj semajnoj aŭ monatoj. Ŝerce oni riproĉas reciproke pro la troa malfacileco de ellernado de ĉiaj idiotismoj, nelogikecoj, malregulaj verboj de naciaj lingvoj, pro la nevenkebleco de nuancoj de fremdlanda prononcado. Mi vidas kelkajn maljunulojn—anglojn, kiuj venis tien ĉi kun la filoj, flamaj esperantistoj; ili mem balbutas ankoraŭ, parolante en Esperanto, sed tamen ili penas paroladi, uzante la helpadon de l' vortaro. La pleje ĝojas tiuj, kiuj ellernis nenian alian lingvon, krom sia patra: renkontiĝas tiaj inter angloj kaj francoj (ne sole inter ili!) kaj jen okazis, ke nun ili povas interŝanĝi pensojn kun alilandanoj. Cetere, la plej granda parto ellernis en la plej bona okazo nur unu alilandan lingvon—kaj nun triumfas, ke Esperanto donas al ili eblecon komprenadi ĉiujn ĉeestantajn en la kongreso „popolojn" sen escepto.

Ili esperis je tiu ĉi ebleco, ekvojaĝante al la kongreso—sed ili ne estis certigitaj je ĝi. Nun ili sentas, ke tiu ĉi ebleco estas realigita, korpigita. Kaj kune kun tio ili sentas, ke fariĝis kvazaŭ la supernaturaĵo. Homoj maturaj ĝojas kiel infanoj Kaj efektive estas io naive—tuŝanta en tiu ĉi malaperiĝo por kelka tempo de naciaj diferencoj... ne! ni diru pli vere—en tiu ĉi ĝoja konfeso de l' foresto de l' diferenco, kiu ĉesis nun ekzisti kaj esti la baro dank' al la komuneco de parolo, estanta egale la propreco de ĉiuj kaj ne apartenanta al iu ekskluzive.

Atendante la venon de la vagonaro. la novaj konatuloj diligente interŝanĝadas vizitkartojn kaj subskribojn, tre zorgante pri la plej granda cifero de konatiĝoj el malproksimaj landoj. Dum unu momento mi estas senigita de kelkaj dekoj da miaj kartetoj kaj estas ravita pro la farita ŝanĝo por la fremdaj.

Fine ni veturas. En la vagono mi kun plezuro sciiĝas, ke miaj modestaj poeziaj tradukoj en Esperanton havis nekonatajn al mi legantojn en Francujo, Anglujo, Holando (mi fariĝas iom fiera!); mi konatiĝas kun la holandano, esperanta poeto s-ro Seynaewe kaj parolas kun li pri... la poemo „En Svisujo" de Slowacki, videble en traduko en Esperanton; al mi agrable estas paroli kun anglo kaj franco pri la baladoj de Mickiewicz, kiujn en sia patra lingvo—kiom mi scias—ili ne povus legi, des pli malkredeble—en originalo! Kiel vi volas—tio ĉi estas ne ordinara okazo: aŭskulti el buŝo de anglo citatojn el „Vojevodo" kaj „Sinjorino Tvardovska".

Apenaŭ ni eliris el la vagono, jam ŝanĝiĝas mia societo. Nun mi faras la konatiĝon kun tre kapabla 15-jara sviso, kiu redaktadas la esperantan ĵurnalon por junuloj en Ĝenevo kaj, povas esti, posedas pli bone tiun ĉi lingvon, ol ĉiuj aliaj, kiujn mi renkontis en la kongreso. Tiu ĉi junulo esprimas al mi sian bedaŭron, ke tro malgranda atento estas metita je l' disvastigado de la lingvo Esperanto inter infanoj.

Je tiu sama temo li faris la bonegan paroladon en unu el kunsidoj de la kongreso. „Dum nur grandaĝuloj ellernadas tiun ĉi lingvon — parolis la juna oratoro, — junuloj do ne komencas tion ĉi, ni kvazaŭ plenigadas botelon sen fundo“.

Plu mi komencas la konatecon kun s-ro Boirac, la rektoro de l' akademio en Dijon kaj la tradukinto de Monadologio de Leibnitz en Esperantan lingvon... poste kun s-rino Junck *) kaj aŭskultas ŝiajn interesajn rimarkojn pri la esperanta elparolado en kantado kaj deklamado, kiam subite ekkaptas mian manon la mirinde vigla advokato Michaux kaj kondukas min al la amaseto, konsistanta el la personoj de diversaj nacioj; li deziras konvinki ian obstinan boulogne'anon, ke „la esperantistoj el diversaj landoj parolas esperante egale kaj bonege komprenas unu la alian“.

Kaj jen mi vidas la maljunulon—francon, gratadantan sian senharaĵon kaj demandantan: Est-ce possible? Et ce monsieur est un espagnol? et celui-ci un allemand? et celui — là un russe?... Un polonais?... Kaj la okuloj de l' maljunuleto kun gaja mirego transkuradas de unu el ni al la alia.

„Se do Vi ankoraŭ estas obstina en Via skepticismo — aldonas Michaux — ni tre petas, ke Vi bonvolu veni hodiaŭ vespere en nian teatron: ni ludas la komedion de Molière: „Edziĝo kontraŭvola“. Ĉiu rolo estas ludata de l' persono de alia nacio“.

Mi devas interrompi tie ĉi mian raporton **). Tro multe da karakteraj detaloj mi devus noti dum tiuj ĉi kelkaj malordinaraj aŭgustaj tagoj, kiujn ni travivis en la bela apudborda urbeto de Francujo... Cetere, mi ne intencis tute doni plenan raporton pri la kongreso. Por mi grave estis pentri tiun humoron, kiu reĝis en ĝi—kaj de neniu malbonigita, kora preskaŭ frata, akompanadis nin ĝis mem fino.

Mi ne opiniis necese priskribadi en tiu ĉi artikolo fluon de kunsidoj en la kongreso, doni tie ĉi la raporton pri laboroj de l' kongreso, rakonti la enhavon de divesaj opinioj. Mi donis dume al leganto nur kelkajn impesojn. Oni devas ankoraŭ turni atenton de l' societo al du faktoj:

1) La komedio de Molière pasis sur la sceno inter eksplodiĝoj de gaja rido de l' tuta salono de rigardantoj. Kvankam ĝin ludis la amantoj (neprofesiaj aktoroj), apartenantaj al sep diversaj nacioj (s-rino Junck — italino, s-rino Cederblad — svedino, s-rino Avilov — rusino, s-roj Boulet, Ansel kaj Michaux — francoj, s-ro Cogen — belgo, s-ro Kuchler — germano, s-ro Alium — norvego), tamen ĝi havis karakteron de plena harmonio en prononcado. Kvankam ĝi pasis en la lingvo esperanta, tamen ĝi estis bonege komprenita de treege intermiksita en nacia rilato publiko.

2) Ĉiuj konsiliĝoj sub la prezidado de s-ro Boirac pasis en la lingvo Esperanto. Sur la sceno sidis la komitato, kies membroj estis el dudek diversaj nacioj. Ĉiu el la ĉeestantoj, petante, ke oni permesu al li parolon, nomadis sian nomon kaj nacion, al kiu li apartenas. En unua momento oratoroj parolis, iom timetiĝinte; — tiel estis sentate, ke kelkaj el ili la unuan fojon kuraĝas paroli en Esperanto; estis sentate, ke ili mem estas ankoraŭ nesufiĉe krediĝintaj je sia ebleco interŝanĝadi pensojn kun aliaj homoj en arta lingvo. Sed, post kelkaj

---

*) Ŝi diris en la kongreso: mi naskiĝis en Belgujo, fariĝis la edzino de l'germano, 20 jarojn mi vivas en Italujo, nun mi troviĝas tie ĉi, en Francujo—mi mem ne scias tie ĉi, kiu estas mi: mi scias nur, ke mi estas la esperantistino.

**) Por rusaj legantoj oni devas, tamen, noti unu detalon.

En la kazeno en la tria vespero de l'kongreso estis la balo je l'honoro de Zamenhof. Estis multaj personoj en naciaj kostumoj. Kiam la kreinto de la lingvo eliris en la salonon, publiko, konsistanta el kelkaj centoj da homoj, formis du vicojn, inter kiuj pasis la estimata kaj amata doktoro. La muziko ludis la Marseillaise. Al d-ro Zamenhof alpaŝas unu sinjorino, la naskitulino de Boulogne, en la kostumo de Minervo, kaj faras al li simbolan klinan saluton. Ĉiuj aplaŭdas. Al Zamenhof sin turnas du infanoj kaj diras je lia honoro versojn en Esperanto Al lia edzino oni prezentas grandegajn bukedojn. Poste s-ro Avilov kaj s-ino Avilov (el Tiflis) en naciaj kostumoj de l'montanoj dancas la ĉerkesan dancon („lezginka“) kaj „kazaĉok“ („kozaketo“). Ĉirkaŭ ili la tuta eleganta internacia publiko aplaŭdas konforme al la takto de l'dancantoj, ĉiam pli-kaj plioftigante ekbatojn de manplatoj, laŭ kutima moro de la dancoj. La publiko en infana ravo longe aplaŭdadas, observante belajn gestojn de gesinjoroj Avilov'oj.

Rim. de l'aŭtoro.

kunsidoj, tiu ĉi ĝeneco pasis, malaperis la malkrediĝeco, degelis la maltrankvileco; la enhavo mem nin forlogis, la formo estis forgesita, ĝi sorbiĝis, en homa parolado, de memstara vivo, fariĝis instikteca, senkonscia, arbitre elŝiriĝanta el internoj de animo kaj, kiam en la kunsido en la kvara tago ni interkonsiliĝadis pri elekto de la loko por la estonta kongreso, ŝanceliĝante inter London kaj Lucern, Anglujo kaj Svisujo, la lingvo esperanta jam sonis sur niaj buŝoj, kiel ĉiu natura lingvo... Kaj ni eksentis, ke ni parolas per la lingvo, kiu post kelka tempo, ankoraŭ dum niaj tagoj, fariĝos la sola natura parolo de ĉiuj internaciaj sciencaj kongresoj kaj entute de ĉiuj kunvenoj, en kiuj la popoloj difinas unu al la alia la sinvidon!

# La Resumo de protokolo

*de la kunsido de l'Komitato kaj de la Redakcia Komisio de la S-to „Espero" de 6 (19) novembro 1905:*

a) La kunsido konfirmis la plialtigon de l'jara membra pago ĝis 3 rubloj;

b) Por la ofico de sekretario de la Redakcia Komisio estas elektita s-ro Vs. Lojko;

c) La kunsido konfirmis la fondiĝintajn en Odessa kaj Radom Filiojn de la S-to „Esperoj".

d) La kunsido decidis inviti la reprezentantojn de la Filioj de l'S-to „Espero" en Peterburgon por ellaborado de regularo kaj por interŝanĝo de opinioj rilate la rimedojn de plej sukcesa esperantista agado en Ruslando.

# Novaj membroj de St. Peterburga S-to „Espero".

BULGARUJO: Plovdiv G. Oreŝkov, Silistria J. Davidov; FINLANDO: Helsingfors, S. de Cion; FRANCUJO. Paris, Generalo Sebert; KANADO: Trois-Rivieres, C. Heroux; RUSLANDO: Bajan, N. Migunov; Berdjansk, A. Novinski, Ĉita, A. Dergaĉev; P. Trañoĉevski; Danilov, P. Masainov; Gruzino, S. Gonsiorovski; Moskva, A. Pjevcov; Radom S. Belajev; V. Poderni; S. Sirotin; A. Venjukov; G. Zercalov; St. Peterburg, K. Ostaneviĉ; Stretensk, K. Balcer, Ŝuvalovo, Filio de S-to Espero; Varsovio, L. Blumental.

Komitato.

## Anekdoto el revolucia vivo.

En malgranda bierdrinkejo sidas en anguleto modesta soldato kaj drinkas bieron.—Apud lin alsidiĝas la regnano, vera adepto de la revolucio.—Post mallonga paŭzo li demandas la soldaton: „Diru al mi, bravulo—vi ja ne pafis en revolucian popolon?"—„Ne,—respondas la militisto,—mi ne pafis".—„Ĉu neniam?"—„Jes, neniam"—„Amiko, vi estas la vera rusa soldato!—admiras la regnano.—„Mastro, donu al li kruĉon da biero, kiel mian donacon!"—„La soldato drinkas la bieron, kaj la regnano kun ravo rigardas lin.—„Nu, amiko! Mi scias, ke vi ankaŭ poste ne pafados popolon. Ĉu mi estas prava? Vi ja ne pafados?"—„Jes, mi ne pafados".—„Kara amiko, jen estas rublo por vi regalu vin, kiel vi volas!...—Sed diru al mi, bravulo, kial do vi ne pafas popolon?"—„Mi estas tramburisto,—respondas la soldato, kaŝante la rublon en poŝon".

Komunikis *V. N.*

# Nomaro de rusa, alilanda kaj originala literaturo en Esperanto.

(Fino).

| | |
|---|---|
| Bogoslavskij P. | L'amo de l'vivo (Liro de esper.). |
| Boguŝeviĉ K. | Nova jaro (L. I. 1898 № 12). |
| Bourlet K. | Peto pri almozo (L'Espérantiste 1903 ald. 67). |
| | Vespero (The Esper. 1904 № 6). |
| Bricard R. | Ŝarĝate de jaroj (L. B. 1903 № 6). |
| Cart T. | Trafendita turo (L. I. 1904 № 10). |
| | „ „ (ap. eld). |
| Cogen L. | Revo vespera (Rondir. 1902 № 9). |
| Deshays R. | Vintra dolĉeco (The Esper. 1903 № 8). |
| Devjatnin V. | Belega estas nokto stela (La Esp-sto 1893 № 12). |
| | Dektria numero (La Esp-sto 1894 № 5). |
| | Episkopo (L. I. 1897 №№ 1,2). |
| | Hetmano ( „ 1894 № 2). |
| | Kvar jartempoj ( „ 1893 № 8). |
| | Kverko ( „ „ № 12). |
| | Ludilo de la sorto ( „ 1892 № 12). |
| | Malliberulo ( „ 1893 № 12). |
| | Nevola mortiginto (ap. eld.). |
| | Patrujo (La Esp-sto 1893 № 9). |
| | Printempo (Liro de esper.). |
| | Sciuro kaj papago (Liro de esper.). |
| | Sur strato (La Esp-sto 1893 № 12). |
| | Ŝi estas gaja (La Esp-sto 1894 № 1). |
| | Ŝipeto (Liro de esper.). |
| Dombrovski A. | Al Lia plej sankta moŝto Papo Pio X (Esp. Kat. 1903 № 1). |
| | Dio (Esp. Kat. 1904 № 9). |
| Elmy B. | Amikeco (The Esper. 1903 № 12). |
| | Lekanteto aŭtuna (The Esper. 1903 № 2). |
| Goldberg M. | Esperanto kaj Danubo (Liro de esper.). |
| | Turo Babilona (Liro de esper.). |
| | Vidaĵo, (L. I. 1899 № 9). |
| Hunter T. | Zenita suno ( The Esper. 1903 № 9). |
| Jegorov D. | Al amiko (La Esp-sto 1893 № 9). |
| | Al anĝelo (L. I. 1898 № 3). |
| | Al L. A. M. (La Esp-sto 1894 № 11). |
| | Al morto (L. I. 1897 № 1). |
| | Antaŭen (La Esp-sto 1893 № 10). |
| | Averto ( „ „ 1894 № 7). |
| | Epigramo ( „ „ „ „ ). |
| | Havu kapitalon! (L. I. 1897 № 12). |
| | Kanto ( „ 1896 № 1). |
| | Kiu kantas ( „ 1897 № 8—9). |
| | Larmo nur sekreta (L. I. 1897 № 11). |
| | Medito La Esp-sto 1894 № 11. |
| | Nuntempa fraŭlino „ „ № 7. |
| | Printempo L. I. 1898 № 6—7. |
| | Stelo La Esp-sto 1895 № 1. |

| | |
|---|---|
| Jezerski M. | Timo „ „ 1893 № 6. |
| Kage. | Interparolo subaŭskultita (L. I. 1898 № 4). |
| Kaplan B. | Floro printempa ( „ 1898 № 8). |
| Kofman A. | Monumento ( „ 1895, prov №.) |
| | Senfortaj larmoj (La Esp-sto 1894 № 10). |
| Kolovrat G. | Plendo de la luno (The Esper. 1904 № 3). |
| Kristonasko. | Suferado de Iesuo (Esper. Kat. 1903 № 3). |
| K. | Kara nomo (L. I. 1898 № 6—7). |
| Levik J. | La espero ( „ 1899 № 9). |
| Liristo. | Defendo de l'rimo (L. I. 1904 № 8). |
| Lojko Iv. | Kredo (La Esp-sto 1893 № 10). |
| Metcalfe M. | Karulineto (The Esper. 1904 № 10). |
| | Knabeto (The Esper. 1904 № 13). |
| | Lulkanto (The Esper. 1904 № 13). |
| Nankivell. A. | Anakreonajo (The Esper. 1904 № 13). |
| Naumann A. | Mi amis vin (Liro de esper.). |
| | Mirinda liro (Liro de esper.). |
| | Printempo venos (Liro de esper.). |
| Officer W. | Antaŭen! (The Esper. 1904 № 13). |
| | Karulino mia (The Esper. 1904 № 9). |
| Olschwang A. | Antaŭ batalo (La Esp-sto 1893 № 6). |
| Pagnier M. | Bonveno al s-ro I. Seleznjov (L. I. 1902 № 12). |
| | Majo (L. B. 1904 № 1). |
| Pi-Du. | Vera vero (L. I. 1899 № 1). |
| Piskunov D. | Mi aŭdis ne l'klasikan liron (La Lumo 1902 № 5). |
| Podrjabinnikov I. | Al la belulino (Rondir 1902 № 7). |
| | Kanto de l'animo ( „ 1902 № 6). |
| | Lulila kanto ( „ „ № 5). |
| | Preĝo ( „ 1903 № 6). |
| | Revo ( „ 1903 № 3). |
| | Romanco de suferulo ( „ 1903 № 1). |
| Poeteto. | La ĉaso (La Esp-sto 1893 № 9). |
| Poljanskij S. | Kial (L. B. 1904 № 6). |
| Privat E. | Venantoj de l'nekonato (Rondir. 1904 № 5—6). |
| Radvan-Ripinski E. | Esperanto (Hol. Pion. 1904 № 1). |
| | Marŝo de esperantistoj (Svisa Esp. 1904 № 1). |
| Ro. | Rozo kaj koro (Rev. Int. 1902 № 4). |
| Ramier H. | Tiuj floroj—amo nia (L. I. 1902 № 6—7). |
| Sam. | Malkuraĝo (L'Espérantiste 1902 ald. 37). |
| Seleznjov I. | Anĝela kiso (La Lumo 1902 № 7—8). |
| | Dormo (La Esp-sto 1893 № 6). |
| | Disigitoj ( „ „ № 11). |
| | Inspiro (Rondir 1902 № 5). |
| | Kanto (Liro de esper). |
| | Ne riproĉu la sorton (La Esp-sto 1893 № 9). |
| | Printempo ( „ 1894 № 12). |
| | Refortigo (L. I. 1896 № 12). |
| | Revo (Liro de esper). |
| | Ventego (La Esp-sto 1893 № 1). |
| Sennoma. | Ŝanĝiĝo de Majao (L. B. 1903 № 5). |
| Sentis H. | En monto (L. B. 1904 № 1). |
| Sergejev V. | Mi staris en la borda rando (Rond. 1903 № 7—8) |

| | |
|---|---|
| Sokolov L. | Fantazio (Liro de esper.). |
| Solovjev M. | Al sinjorino X. (La Esp-sto 1893 № 9). |
| | Plendo (Liro de esp.). |
| Svanbom K. | Laŭ sveda melodio (Liro de esp.). |
| Ŝidlova J. | Kanto internacia (L. B. 1904 № 8). |
| | Pekas tiu (L. I. 1903 № 3). |
| Uitterdijk D. | Esperanto (Hol. Pion. 1904 № 2). |
| | Verda stelo ( „ 1902 № 9). |
| Verema M. | La kravato (Rondir. 1902 № 9). |
| Wasniewski J. | En la paperujo de miaj fabloj (La Esp-sto 1893 № 8). |
| Zamenhof F. | Frenezulino (Liro de esper). |
| | Versajo sen fino (Liro de esper). |
| | Vizito de la steloj (Liro de esper). |
| Zamenhof L. | Al la „Esperantisto" (Liro de esper). |
| | Al la fratoj (Liro de esper). |
| | Al la Reĝo (Liro de esper). |
| | Gaja migranto (Liro de esper). |
| | L'Espero,—himno (Liro de esper). |
| | Mia penso (Liro de esper.). |
| | Vojo (Jarlibro Esper. 1897). |
| Zeidlitz. O. | Al memoro de J. Wasniewski (L. I. 1897 № 5—6). |
| | Ĉe la Nova Jaro (L. I. 1896 № 1). |
| | Ĉe l'tombro de E. Flygare Carlen (en la verko—„Literat. kaj lia fianĉino"). |
| | Epigramo (La Esp-sto 1893 № 6). |
| | Kanto de Jemtlanda knabino (La Esp-sto 1893 № 11). |

# Muzik-vokala literaturo.

(kun klarigoj en Esperanto).

## SOLE POR FORTEPIANO.

| | |
|---|---|
| Bernot L. | Esperanto, grand valso (ap. eld). |
| | Marŝo franca (ap. eld) |
| | Marŝo hispana (ap. eld). |
| | Marŝo rusa (ap. eld). |
| | Mortiga espero,—poemvalso (ap. eld). |
| Gallois Alb. | Bonfaranta Feino,—valso. |
| Kolovrat G. | Sur blankaj kaj nigraj klavoj,—preludo (ap. eld). |
| Ménil A. F. | Esperanto,—valso (ap. eld.). |
| *** | Esperanta Penso. |

## POR FORTEPIANO KAJ VOĈOJ.

Adelsköld. Cl. kaj Zamenhof. L. La Espero,—himno de Esperantistoj (ap. eld.).
Adelsköld. Cl kaj Langlet. V. Kanto al la flago de l'paco (ap. eld.).
Bernot. L. kaj Zamenhof. L. La kapelo (ap. eld.).
Bourlet. K. kaj Ménil. A. F. Almozpeto (ap. eld.).
Dechayes R. kaj Zamenhof L. La vojo (ap. eld.).
Fjodorov. A. kaj Ménil. A. F. Agasfero (ap. eld.).
Buliĝas kiel blanka bed' (ap. eld.).
En sonĝo (ap. eld.).

En nord' unu pino (ap. eld.).
Jen mi, Inezilio (ap. eld.).
Nimfo (ap. eld.).

Handfield, J. kaj Elmy, B. Amikeco (The Esp. 1904 № 12).
Kolovrat. Kuraĝe antaŭen! (ap. eld.).
Rowe F. Nia lando (The Esp. 1904 № 13).
Rowe F. kaj Metcalfe, E.—Dormu! (The Esp. 1905 № 17).
Schneeberger F. Lasta Gotardkondukisto (ap. eld.)
6266 kaj Zamenhof, L. L'Espero. (The Esper. 1903 № 1), (represo en Rondir. 1904 № 5—6).
Zamenhof L. kaj Carles A. La Kapelo (ap. eld.).

Formiko.



# RAPIDIGU,

karaj samideanoj, la sendon de membra enporto por 1906 j., ne atendante la finon de Decembro-monato, ĉar de Via favora partopreno dependas la ekzistado de „Ruslanda Esperantisto", kiu havas la seriozan kaj malfacilan taskon—disvastigadi nian karan ideon en Rusujo. Ne forgesu ankaŭ, karaj kunbatalantoj, ke la nuna revolucia tempo postulas de ni—rusaj esperantistoj—la duoblan laboron: energie laboradi por Esperanto kaj partoprenadi en rekonstruo de malnova putrinta reĝimo...

Uzante la okazon, mi permesas al mi esprimi nian koregan dankon al ĉiuj amikoj, subtenintaj nian eldonon.

*D-ro A. I. Asnes.*

Redaktoro de „Ruslanda Esperantisto".



ENHAVO:

La liberiga movado kaj niaj esperoj.—Preĝo, versaĵo de L. Zamenhof.—Bolesĉjo, rakonto de M. Gorjkij, trad. de Iv. Seleznjov.—*** versaĵo V. N. Devjatnin.—Milito (infana monologo), trad. de A. D.—Serenado el „Don-Juan" de gr. A. Tolstoj, trad. de Vs. Lojko.—Esperantista Movado.—El M. Lermontov (Nuboj; Ondoj kaj Homoj), trad. de Vs. Lojko.—Bibliografio.—La kongreso de esperantistoj (El impresoj), de L. Belmont.—La Resumo de l'protokolo.—Novaj membroj de S.-Peterburga S-to „Espero".—Anekdoto el revolucia vivo.—Nomara de rusa, alilanda kaj originala literaturo en Esperanto (fino).

La 1-an Januaron de 1906 j. aperos la № 1 de „Ruslanda Esperantisto".

Типо-Литографія Д. П. Вейсбрута, Троицкій пр., 14.

## ПРИНИМАЕТСЯ НА 1906 ГОДЪ

запись въ члены

# О-ва „Эсперо“,

съ правомъ полученія въ счетъ членскаго взноса ежемѣсячнаго журнала О-ва

# „RUSLANDA ESPERANTISTO“,

издающагося на международномъ языкѣ Эсперанто и частью параллельно на русскомъ языкѣ.

---

Постоянныя статьи по принципіальнымъ и практическимъ вопросамъ Эспер. движенія и идеи международнаго языка.

Въ беллетристическомъ отдѣлѣ помѣщаются новыя произведенія лучшихъ авторовъ.

Въ 1906 году въ „Rusl. Esper“. будетъ печататься въ переводѣ на Эсперанто извѣстная повѣсть Леонида Андреева „Красный Смѣхъ“.

Съ № 1 (янв.) вводится общественно-политическій отдѣлъ.

Обширные отдѣлы хроники и Эспер. движенія и библіографіи.

Собственные корреспонденты-эсперантисты въ гор. Россіи, въ Парижѣ (г. Коловратъ) и др. столицахъ и гор. Зап. Европы.

Разнообразныя статьи и замѣтки по вопросамъ современной жизни, имѣющимъ общій интересъ.

Подробности о журналѣ -- въ особомъ проспектѣ, разсылаемомъ при этомъ № „R. E.“.

---

Членскій годовой взносъ (съ 1 янв. по 31 дек. 1906 г.) **3** руб.

**Адресъ: С.-ПЕТЕРБУРГЪ, Б. Подъяческая 24. Редакція „Ruslanda Esperantisto“.**

Запись въ члены О-ва принимается также у г. Останевича (СПБ., Почтовый ящикъ 80).

---

Всѣ записавшіеся до 1 Янв. 1906 г получаютъ въ видѣ безплатнаго приложенія къ журналу по желанію: „Mocart kaj Saljeri“ А. С. Пушкина въ стихотв. переводѣ на Эсперанто В. И. Лойко или „Versajareto“ проф. А. Домбровскаго или же „Pri unu speco de kurbaj linioj“ (математическая работа) того-же автора.

Въ 1906 году журналъ будетъ выходить аккуратно въ началѣ каждаго мѣсяца.

## ESTAS AKCEPTATA POR 1906 JARO

la enskribado en la nombron de la membroj de la

# S-to „Espero“,

kun rajto de ricevado por membra enpago de ĉiumonata ĵurnalo de la S-to

# „RUSLANDA ESPERANTISTO“,

eldonata en lingvo internacia Esperanto kaj parte paralele en rusa lingvo.

---

Ĉiamaj artikoloj pri principaj kaj praktikaj demandoj de Esper. movado kaj de l'ideo de lingvo internacia.

En beletristika fako estas presataj la novaj verkoj de plej gloraj aŭtoroj.

En 1906 jaro en „Rusl. Esper.“ estos presata en Esperanta traduko la fama novelo de Leonid Andrejev „Ruĝa Rido“.

De № 1 (januaro) estos enkondukita social-politika fako.

Vastaj fakoj de kroniko de Esp. movado kaj de bibliografio.

Propraj korespondantoj—esperantistoj en urboj de Ruslando, en Parizo (s-ro Kolowrat) kaj en aliaj ĉefurboj kaj urboj de Okc. Eŭropo.

Diversaj artikoloj kaj notoj pri demandoj de nuntempa vivo, havantaj komunan intereson.

La detaloj pri la ĵurnalo estas en aparta prospekto, dissendata kun tiu ĉi № de „R. E.“

---

La membra jara enpago (de jan. ĝis 31 dec. 1906 j.) estas **3** rubloj.

**Adreso: St.-PETERBURGO (Ruslando), B. Podjaĉeskaja, 24, Redakcio de „Ruslanda Esperantisto.“**

La enskribadon en la nombron de la membroj akceptas ankaŭ S-ro Ostanjeviĉ (St.-Pet., poŝta kesto 80).

---

Ĉiuj personoj, kiuj sendos sian membran enpagon ĝis 1-a (14-a) jan. 1906 j., ricevos kiel senpagan aldonon al ĵurnalo laŭ elekto la sekvantajn librojn: „Mocart kaj Saljeri“ de A. S. Puŝkin, trad. de Vs. Lojko aŭ „Versajareto“ de prof. Dombrovski aŭ „Pri unu speco de kurbaj linioj“ (matematika laborajo) de tiu sama aŭtoro.

En 1906 j. la ĵurnalo eliros akurate en la komenco de ĉiu monato.

